# LITERATURA Mondo

TRIA PERIODO — DUA JARO — 9—10





REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: BUDAPEST, VIII- RÖKK SZILÁRD-STR. 28. HUNGARIO

# PREZARO

**Prezoj estas montritaj en USA-dolaroj**

| | Bind. | Broŝ. |
|---|---|---|
| K. Kalocsay: | | |
| **STREĈITA KORDO* . . . | | 1.20 |
| Madách—K. Kalocsay: | | |
| *TRAGEDIO DE L' HOMO* . . | | 1.— |
| K. Kalocsay—Dante: | | |
| *INFERO* . . . . . . . . | 2.50 | 2.— |
| K. Kalocsay: | | |
| *ARTHISTORIO I.* . . . . | | 2.80 |
| K. Kalocsay—Waringhien: | | |
| **PARNASA GVIDLIBRO* . . | | 1.— |
| Bleier—Kökény—Sirjaev: | | |
| **ENCIKLOPEDIO DE ESP.* | | |
| vol. I—II. ilustrita . . . . . | Elĉerpiĝis | |
| Nur la II-a vol. ilustrita . . . | | 5.— |
| Sen ilustrajoj, vol. I—II. . . | | 6.— |
| L. Tárkony (Totsche): | | |
| *DE PAĜO AL PAĜO* . . . | 1.20 | —.90 |
| K. Kalocsay: | | |
| *DEKDU POETOJ* . . . . . | 1.20 | —.75 |
| E. Aisberg: | | |
| *FINE MI KOMPRENAS LA RADION* . . . . . . . . | | 1.40 |
| E. Wiesenfeld: | | |
| *VERKARO DE FEZ* . . . . | | 2.— |
| Van Loon—Saville: | | |
| *RIGARDU LA TERON* . . . | | 4.— |
| Kalocsay—Baghy: | | |
| *ARĜENTA DUOPO*, jubilea libro, I-a volumo . . . . . . | | 1.30 |
| Muzik-notoj de la II-a volumo (Kantoj de Baghy—Kalocsay) . | | —.50 |
| A. Baur: | | |
| *SVISA ANTOLOGIO* . . . . | 4.60 | 4.— |
| K. Kalocsay: | | |
| *RIMPORTRETOJ* . . . . . | | —.40 |
| Asch—Lejzerovicz: | | |
| *SORĈISTINO EL KASTILIO* . | 1.50 | 1.— |
| Grenkamp—Bzrekowski: | | |
| *PRI L' MODERNA ARTO* . . | 1.— | |
| T. Herzl—B. Selzer: | | |
| *LA JUDA ŜTATO* . . . . . | | —.90 |
| Adamson: | | |
| *AULI* . . . . . . . . . | | —.60 |
| I. Lejzerovicz: | | |
| *EL LA VERDA BIBLIO* . . | —.70 | —.40 |
| Jerome—Badash: | | |
| *TRI HOMOJ EN BOATO* . . | 1.90 | 1.40 |
| Kikuĉi—Ŝimomura: | | |
| *AMO DE TOOjUURO* . . . . | | —.40 |
| Goethe—Kalocsay: | | |
| *ROMAJ ELEGIOJ* . . . . . | —.80 | —.60 |
| N. Kurzens: | | |
| *MIA SPEKTRO* . . . . . . | | —.50 |
| Bleier—Ĉense: | | |
| *ORA LIBRO DE LA ESPERANTO-MOVADO* . . . . | | 1.— |

Aldonu 10% por afranko
Ni respondecas nur por rekomenditaj sendajoj.
Rekomendo por pakaĵo —.20 USA-dolaroj.

*Rimarko:* La kovrilpaĝoj de la libroj markitaj per*, perdiĝis pro la militaj okazintajoj. Tial ili havas simplan karton-kovrilon, sen ajna surskribo.

Provnumeroj de Literatura Monda kontraŭ 2 respondkuponoj.

Librojn mendu ĉe niaj reprezentantoj aŭ ĉe sia Ebristo.

# De Danubo ĝis Dono

István Kossa

(Daŭrigo.)

Subite Sponer rompas kun kvar aliaj tra la amaso.

— Kio al vi estas? De matene vi estas ĉi tie. Hejme ni preskaŭ mortas de soifo; nek akvo, nek kuiro. Kion vi faris ĉi tie ĝis nun?

Certe ne la soifmorto de la kompanio estis lia zorgo, sed lia propra soifo. Tial li venis.

Li ekvidis la ŝarĝon de la ĉaro.

— Kio do? — li flankentiris la buŝon kaj la manon levis antaŭ la okulojn.

Li turniĝis kaj metis signon de kruco. Siajn manojn li plektis por preĝo sur la ventro. La preĝo evidente trankviligis lian konsciencon, ĉar lia voĉo jam kriĉis:

— Kie la barelo?

Mi ĝin montras al li.

— Kial vi ne alportis la akvon?

— Oni ne permesis, sinjoro kadeto, humile.

— Ne-e-e? Kiu do ordonas al vi? Ĉu do ne mi estas la vickompaniestro?

Ni silentis.

— Ne-e-e? Ĉu vi ne scias respondi? Vi ja ĉiam havas la respondon preta. Ĉu do ne mi estas la vickompaniestro?

— Jes, vi bonvolas esti.

— Ne „vi bonvolas esti“, sed „humile mi raportas, vi bonvolas esti“. Vi estas jam sufiĉe maljuna por tion scii. Eĉ *vi* ne scias respondi soldatece?

Nu, mi pensis, jen lia plej granda zorgo. Li havos ankaŭ pli grandan, kiam li ekscios, kio okazis.

In kadrulo dume plenigis sian trinkilon ĉe la puto, kaj nun ĝin prezentas servoprete al Sponer. Tiu ĉi antaŭe graveme ĉirkaŭvisas la buŝon de la trinkilo per sia manplato, poste ĝian aperturon per la fingroj, viŝadas ĝin eĉ per la basko de sia kitelo, nur poste li trinkas. Li nur sorbetas la akvon, ne volante montri, kiel ege li sopiras je ĝi. Tamen, li eltrinkas ĝin ĝis la lasta guto.

Nun jam mildiĝis lia humoro. Nur nun li rimarkas la sablokuran kaleŝon.

— Nu, kaj kie estas la ĉefserĝo, kaj sinjoro kaporalo Csikvári?

— Interne ili estas, humile, en la kontoro.

— Kion ili faras tie?

— Mi ne scias, humile. Antaŭ nelonge ili eniris.

— Kaj kie ili estis ĝis tiam?

— Mi ne scias, humile.

— Nenion vi scias, ĉu? — li alkriis min.

— Humile mi raportas, Oláh kunestis kun la sinjoro ĉefserĝo.

— Oláh!

— Laŭordone.

— Kie vi estis?

— Humile mi raportas, en la urbo. La sinjoro ĉefserĝo kun la aliaj sinjoroj estis en la kantino kaj mi atendis ilin ekstere.

— Ĉu en la kantino? Ej ha!

Subite li mallaŭtigis sian voĉon kaj preskaŭ flustre li demandis:

— Diru, ĉu ili ne estas ebriaj?

— Mi ne scias, humile.

— Nu, mi tuj pririgardos. Kaj, Bedő, vi malŝarĝigu tiun ĉaron, ĉu vi komprenis?

— Jes.

Nun la kadruloj venis al ni.

— Kio estis ĉi tie?

Ni rakontis la aferon. Bedő, Szivós, Német ege ridaĉis.

Sur la brako de Szivós estis nova brakhorloĝo. Hieraŭ li ĝin ne havis ankoraŭ. Nun ĝi montras la trian.

— Kaj kio estos pri tiuj? — montris Bedő kaposvinge al la ĉaro.

— Mi ne scias — ni respondis ambaŭ samtempe.

La kvar gardistoj staris senkonsile. Bedő komencis pritrakton kun ili. Jam pli ol unu horo pasis, de kiam oni surmetis la vunditojn. La malsupraj certe jam sufokiĝis delonge. Ankaŭ la supraj nur apenaŭ spiretis.

Bedő observas ilin. Plaĉas al li la belaj mol-kruringaj botoj. Tiuj de la blondhara knabo, en kaj el kies malluma okulkavo nun dekduo da verdaj muŝoj flugadas. Sed Bedő ne estas ĝeniĝema. Li jam detiras la botojn. Poste ili valormezuradas la kaptaĵon. Ankaŭ la ceteraj ekemas predi, ili observadas la piedvestojn de la aliaj vunditoj. Sed tiuj havas soldatŝuojn. Ili ege envias, ke Bedő faris tiel bonan kapton.

La kvin kadruloj kaj la kvar gardistoj baldaŭ interamikiĝas. Ili interflustradas, pritraktadas.

La prepariĝantan negocon finas la alveno de Sponer, Rotyits, Csikvári. Rotyits kaj Csikvári venas brakinterplekte. Ne pro amo ili brakplektis, sed ili apogas unu la alian.

Belege ili aspektas. Ĉiu estas nura malpuro kaj koto. Sub la okuloj de Rotyits paradas grandegaj bluaj makuloj. Liaj vangoj plenas de gratoj. La kitelo de Csikvári estas traŝirita ekde la poŝo ĝis la dorsomezo. La amaso tumultas post ilin. Rotyits jam ree regas la situacion.

— Deŝuti tiun malpurajon — li komandas al ni. Li komprenis per tio la vunditojn.

Ni alrigardis la kvar gardistojn. Tiuj, forturniĝinte, ŝajnigis, ke ili ne vidas, kio okazas.

Onodi, Oláh kaj mi demetas la blondharulon. Liaj manoj ankoraŭ estas varmaj. Li vivas. Ni volas lin porti en la magazenon, reen inter la ceterajn.

— Marŝ', ĉi tien vi ne rajtas lin porti — ekgrumblis al ni unu el la pordgardistoj.

Ni reportas lin al ĉaro.

— Sinjoro ĉefserĝo, humile, kion ni faru pri li, oni lin ne enlasas.

— Metu lin apud la ĉaron.

Ni kuŝigas lin tien. Poste laŭvice la ceterajn. Ili estas dudekope. Jam nur la blondulo vivas.

Ni surmetas la barelon. Poste la kadruloj faras kordonon ĉirkaŭ la puto, kaj ĝis ni verŝas la barelon plena, neniun ili lasas tien, eĉ ne en la proksimon.

Estis malfrua posttagmezo, kiam kun la plena barelo ni elveturigis el la korto. Ĉirkaŭ la argilkavo nun staris nur la gardistoj. Estis silento.

Duonvoje, subite haltis la antaŭiranta sablokura kaleŝo. Sponer desaltis. Li haltigis ankaŭ nian ĉaron.

— Descendu!

— Laŭordone, sinjoro kadeto.

— Ĉu vi scias, kial la sinjoro ĉefserĝo aspektas tiel, kiel li aspektas? Kion vi diros, se la aliaj interesiĝos?

— Humile mi raportas, la ĉaro renversiĝis — respondis Onodi.

— Kaj kial vi malfruis tiel longe kun la akvo?

— Do, ne estis akvo en la puto, sinjoro kadeto — mi ekridis.

— Ne ridaĉu, sed „humile mi raportas". Ĉu vi neniam lernos tion?

— Jes, humile.

— Do vi nun scias ĉion. Ni iru plu.

En la tendaro nin akceptis vera jubilo. La tuta kompanio interpuŝiĝadis ĉirkaŭ la barela ĉaro, kun trinkiloj kaj tasegoj.

— Homoj, ne estos tagmanĝo, se vi eltrinkos la tutan akvon — avertis ilin oĉjo Kalla.

Sponer jam faris disponojn. Ĉiu labservulo ricevos trinkilsubon, ĉiu kadrulo trinkilon da akvo. Sed ĉi lastaj eltrinkis ĝin tuj samloke, kaj ree metis sian trinkilon sub la kranon. Iuj eĉ trifoje. Kiu kuraĝus diri ion al ili?

La tagmanĝo pretiĝis nur malfrue vespere. De dek tagoj la unua apetitiga manĝaĵo. Sekfaba supo kun ŝafviando, flavpiza legomo kun ŝafviando. Multaj pizoj kaj ŝafostoj kaj kartilagoj.

Hejmeca kuirodoro disvastiĝadis. La knaboj gvatis el la ĉirkaŭkuirejaj arbustoj, kiel la blekanta ŝafo ŝanĝiĝas je manĝebla viando. Ĉiun nian movon almenaŭ cent okulparoj gvatis, observis pie. En la espero de la proksima manĝo nun ĉiu silentis profunde. Ĉiu sin tiris singarde flanken, por ja ne interpuŝiĝi kun iu kadrulo.

Fine ni faris en la supo la lastan kirlon. La ŝafgulaŝo de la kadro estas bongusta. La viando estas mola. Oni povas disdoni la tagmanĝon.

— Iru, István — sendis min oĉjo Kalla — raportu al la sinjoro kadeto, ke la tagmanĝo estas preta. Ĉu ni povas ĝin disdoni?

La tendo de la sinjoro kadeto estis el brančoj, ĝian pordon kovris multkolora drapo. Mi ne havis sur kio frapeti. Mi enpaŝis sen frapeto.

Sponer sidis apud la tablo. Li ŝmiris tuban italan fromaĝon sur pantranĉaĵon kaj mergadis ĝin en mielon. Li volis kaŝi per sia mano la panon, fromaĝon, mielon. Mi raportis, ke la tagmanĝo estas preta.

— Kiamaniere vi kuiras? Mi ne toleras vian kuiraĵon, Disdonu ĝin. Eĉ gustumi ĝin mi ne kapablas.

# Profesoro Klapelkap vizitas la Malmö-kongreson

**Reto Rossetti**

Kun Juliusz Klapelkap, en bona ordo,
alvenis mi al skania bordo;
kaj ĉar amikon mian mi ja konis,
„Kondutu nun normale!“ mi admonis.

Sed ve, la ŝip' apenaŭ albordiĝis,
Juli' el mia brakoten' tordiĝis,
sur kajon saltis kaj kun buba gajo
ekskribis sur la ŝtonoj de la kajo.

Kaj dum miregis ĉiuj pasaĝeroj
li kriis: „Mi ja skribas sur *kajeroj*!
Kaj ĝin mi faras laŭ principo vera,
ĉar la *vorttordo* estas ja libera!“

Mi vokis „Urs'! Ne agu do frivole!“
kaj trenis lin kongresen kontraŭvole.
La trudon li akceptis kun afablo,
kaj tie celis al la librotablo.

Pri l' libroj tamen li ne tre enketis:
seriojn da poŝtkartoj li aĉetis,
kaj poste pri l' kolekto kurioza
pretendis: „Nun mi estas *seri-oza*.“

Mi kriis „Sate! Ĉesu do rezigne!
En ĉi salono decas agi digne.“
„Nature“, diris li kun mir' miena,
„*Salone* ĉio estas ja *solena!*“

Apude kelkaj kongresanoj bonaj
diskutis pri la diskoj gramofonaj.
Ĉu havi aŭ malhavi? Ĉu utilas?
Eble rompiĝos? Kion vi konsilas?
Konstatis Klapelkapo kun facilo:
„Utilas disko kiel *diskutilo*!“

*

Ĉe la Malfermo blovorkestro ludis,
ankaŭ piano al la vid' sin trudis.
Plendis Juli': „Malplaĉas ĉi pi-ano,
ĉar mi, paginto, estas ja *pagano*!“

Mi nun al mi permesis spritosagi:
„Vi estas do, en ver', Julio Pagi!“
Sed tss! teatre falis plenmalhelo,
eklumis alte la strandarda stelo.

LA HIMNO. Ĉi momento plej solenis,
sed Julĉjo el la poŝ' kartuŝon prenis
kaj montris: „Jen la himno staras skribe.
Jes ja, *kartuŝa* kanto efektive!“

---

Tamen, li portigis por si duoblan porcion. Dum la tuta tago li manĝis kaj preĝis. Li povis tion fari, li estis hungara reĝa oficiro. Tia li kalkuliĝis.

Antaŭe ricevis la kadro la manĝon. Dutrifoje ili iris al la kaserolo. Al ili bone gustis nia kuiraĵo. Ege bone. Kelkaj el ili portis por si eĉ el la manĝaĵo de la labservuloj plenplenon da tasego. Tiun, vere, ili jam ne manĝis: tiu estis la varo en la merkato. La labservuloj pagis por ĝi per horloĝo, ringo, orĉeno, aŭ per slipo. Precipe, kiam en la kaserolon de la labservuloj venis iom pli bona manĝaĵo, tiam praktikis niaj amataj gardistoj tiun negoc-arton.

La knaboj pianime mergis sian kuleron en la fabosupon. Ankoraŭ dumvoje ili valormezuris, kiom estas la „denso“ de la supo. Nacia malfeliĉo estis, se iu malsukcesis pri la ĉerpo.

Ĉiu volis, ke mi ĉerpu por li el la fundo de la kaserolo. Tie estas la denso Ĉiu volis rigardi en miajn okulojn, por ke mi rimarku lian instigon.

Nur la denson! Bone ĝin ĉerpu el ĝia denso, kamaraĉjo — jen kion diris tiuj okuloj.

Unu aŭ alia estis tiel avida, ke li eĉ petis. La pli riĉaj promesis slipon hejme pagotan, senzorgan hejman vivon, se mi estos favora al ili ĉe la manĝo-disdono. Tiujn ne interesis, ke tio estus malfavora al la aliaj.

Ĉe la organizitaj laboristoj, inter la kamaradoj, tiaĵo okazis nur malofte. Tiajn ni starigis antaŭ la tribunalon de la kolektivo. Ni mallaŭdis ilin. Se tio ne efikis, por pli-malpli longa tempo ni elfermis ilin el la kolektivo.

Tio estis grava puno, ĉar ĝi signifis, ke se iu el la anoj de la kolektivo ekhavis ion privatvoje, la elfermito ne ricevis el tio. Nur ni, organizitaj laboristoj, fondis tian kolektivon. La sovjetamikoj. La „anglofiloj“, kiel ni nomis la riĉulojn, ne. Tiuj volis prosperi nur individue, per slipoj.

Dum la disdono de la dua manĝo, aperis Rotyits senatende ĉe la kuirejo. Ŝajne li jam fordormis sian ebrion. La skurĝo ankaŭ nun estis en lia mano. Minace li ĝin svin-

Dum la vespero interkonatiĝa
Julĉjo postulis pri manĝaĵo riĉa.
„Ĉasbirdon! Car mi ĵuras je l' prapatro,
*tetrao* devas esti en *teatro*!"

Lunde kunsidis ni teatrohale
kaj aŭdis, ke Lapenna jam mitrale
vortŝutas. Kriis Klapelkap: „Diablo!
Sed *-Ivo* estas, ĉu ne, la kapablo!"

Tra l' Reĝa Park' vespere ni promenis,
sed vane ni nin oriente penis.
Jen park' kun multaj eroj! Sed cetere,
la svedoj certe konas ĝin park-ere!

Kaj se ni paŝis sur la herborandon
parkisto ia kriis tuj komandon.
Sed vane li admonis nin ĝistede,
neeble ja persvadi nin persvede!

„Mi havas", diris Julĉjo kun fiero,
„poemon por Literatur-vespero.
Sed mi deklamos nur por via ŝtato,
ĉar... ĝin rifuzis LK-Komitato."

**ALVOKO AL LA MARKSA „KAPITALO"**

Juliusz Klapelkap

*Proleto, sub la prem' de malegalo,*
*Kaj ofte sub ferbot' en mallegalo,*
*Ne dolĉa via viv', sed male, galo.*

*Burĝar' militen drivas, mise regas,*
*Vivas en lukso, dum vi mizeregas.*
*Do, por starigo de la ekvilibro,*
*En agon, „Kapitalo", ek, vi libro!*

*

Promenis ni surstrate dum ĉi tio
apud la vegetar-restoracio.
Kaj cele al ĉi tiu lok', senbride,
ismanoj nun rapidis manĝavide.
Kriis Juli': „Antaŭen kun obstino!
La napoj ja vin benos en la fino!"

Kaj, ĉar fenestre grandis verda stelo,
li rimarkigis kun edifa celo:
„Jen du sciencoj ligas sin komune:
la astro- kaj gastronomio kune!"

Trans la fenestro homo kun kuraĝo
atakis pladon altan de furaĝo.
En Klapelkap ĉi tiu vid' elvokis ideon subitan:
„Eĉ buŝo malgranda, konstante maĉante, traboras
la monton *garnitan*!"

*

Julion mi sciigis, ke la Urbo
te-manĝi nin invitas. Kun perturbo
li tuj protestis: „Oni faras skismon,
trudante al la anoj la *teismon*!"

---

gadis. Ĉiu entiris sian kolon, ĉiu volis nevidebliĝi, por ne altiri la atenton de Rotyits.

Tamen okazis tragedio.

Estis la vico de Laĉjo Kramer ĉe la kaserolo. En sia ekscitiĝo li faligis sian plenan tasegon. Rigidiĝinte li alrigardis min. Vidiĝis sur li la angora penso, ĉu li ricevos anstataŭe alian?

Mi signis al li, ke li tenu sian tasegon; ni kuiris ja ĉiam pli multe per kelkaj porcioj. Ree mi ĉerpis por li. Rotyits ekvidis tion. Li alsaltis, kaptis Krameron je la kolo, elsternis lin sur la tero, tie, kien la manĝaĵo verŝiĝis en la polvon. Li puŝadis, premadis tien lian vizaĝon, kiel se la dommastrino kutimigas la katidon al ĉambropureco.

La ceteraj terurite diskuris. Ili devis elekti inter Rotyits kaj la tagmanĝo. Kramer baraktis malpurigite sur la tero. La granda forta knabo toleris la batojn senvorte. Rotyits iĝis tiom pli furioza.

Li ĉirkaŭrigardis serĉante viktimon. Nun li venĝos je ni lian malvenkon ĉe la puto. Neniun li trovis proksime. Li venis al la kaserolo.

— Kiu mendis la hodiaŭan manĝon. Ĉu vi kredas, ke per unu fojo vi manĝigos al ili ĉion, kaj poste ili ree ne havos kion manĝaĉi.

Li kriegis al Kalla, kaj tiu lin respondis en sia trankvila maniero:

— Nu, iel ja tamen estos. — Poste subite ektondris lia voĉo. — Eĉ iri ja apenaŭ scios jam ĉi tiuj homoj!

— Fermu la buŝon! Kion ili donis al vi?

— Al la diablo ili donis!

— Nu, mi aranĝos ankaŭ vian aferon! — Li alrigardis min per siaj ŝafokuloj. Mi kredis, ke nun venas mia vico.

Li turniĝis kaj foriris.

La knaboj timigite, singarde riskis la aliron. Ĉirkaŭrigardadante ili venis por manĝo.

Mi alvokis Krameron elleki la kaserolon. Tio estis grandega favoro. Kiu foje ĝin ricevis, feliĉe pensis pri tio dum semajnoj.

Mia aktivo neniam sin anoncis por lekado. Vere, ĝi estis kunmetita el la plej konsciaj

La balo sekvis. Dancoparoj svarmis.
Jam alvenis viro, kiu larmis,
lamentis, ke perdiĝis la edzin'.
„Jes“, diris li, „La balo glutis ŝin !“
„Trankvilon“, diris Julĉjo. „Ĉi fatalo
tre eblas — ĝi ja estas (S)kani-balo !

„Sidiĝu kaj ripozu, kamarado.
Jen, vin narkotu per la limonado !“
Sed — la balfin' jam venis. Malfeliĉo !
*Sid*iĝo estis frato de *dis*iĝo !

*

Somera Universitato floris.
Iuj amasloĝanoj eĉ fervoris
kunsidi nokte, do kun elokvento
diskursis la nokt*ua* parlamento !

Ĉeestis foje ni kaj ekatentis.
Amikoj du pri l' filologoj plendis,
ke ili nin malŝatas per silento.
Konkludis Julĉjo : „Jen la par-lamento.“

*

Ĝis Helsingborgo ni ekskursis kroze,
kaj tie ni ascendis senriproze
al supro de la turo gapitence :
ni estis do turistoj ĉiusence !

En for' majestis Elsinor-kastelo :
kaj Julĉjo : „En Hamleta dram' Marcello
pri *-io-uj'* verdikton donis tuj :
‚Malbona *io* estas en Danuj' !‘“*

Por postkongreso en sabata tago
veturis ni al bela Kopenhago.
La danoj nian lingvon bone kultas,
ĉar tie ja la por-cel-anoj multas !

Kaj lunde al la Carlsberg-fabriko
ni venis por . . . la studo de l' tekniko.
Kaj fine vidis ni, ke por regalo
boteloj staras table en festhalo
spalire, do ni kriis kun sincero :
„Amikoj! for la bierar-bariero!“
ĉirkaŭ la tabloj tuj ni vigle sidis
kaj la barilon inter ni likvidis.

*

Jen mi rakontis — eĉ pli ol sufiĉe,
kaj eble pli kaprice, ol kap-riĉe !
Se iu grumblas pro l' raport' dispersa,
pripensu, ke ĝi estas ja per-versa !

---

* Ni danku Julĉjon ! Li por venk-akcelo
de *-io* citis vortojn de Marcelo.
„Malbonas io en Danujo.“ Kio?
Sendube *ujo* ! Devus esti *-io*.

*C. E. R. Bumy*

---

Kaj mi kompensis ilin per manĝaĵo ŝtelita el la manĝaĵo de la kadro. Tiam kaj kiom mi ŝtelis, kiam kaj kiom mi povis. Sukeron mielon, farunaĵon ni ne rajtis ricevi. Mi do ŝtelis de la kadro. Ni vetis kun Onodi kaj Piŝta Német, kiu povas ŝteli pli multe. Poste, vespere, kiam ni havis iom da tempo libera, ni iris inter la knabojn kaj disdonis juste ĉiom inter la anoj de la kolektivo.

11. julio, 1944. Je la dua postnokte, alarmo. Paki, ekiro! — sonas de ie komando. Enviciĝo post duonhoro.

Dormeme ni levis nin. Nokte mi sonĝis pri la vunditaj rusoj. En la sanĝo ankaŭ mi apartenis al ili. Germana pafiltubo premiĝis sur mian frunton. La juna blonda sovjetsoldato ĝin flankenpuŝis. La sovjetsoldato havis du grandajn ruĝajn kvinpintajn stelojn en la loko de la okuloj. En la ruĝa stelo la serpo kaj martelo ege giris kiel turnbobeno. La germano ekluktis kun la blonda ruso. Tiu kaptis la germanon, kaj kiel malpuran, malplenan sakon oni purigas frapegante ĝin al la barilo, li batadis per li la vandon de la argilkavo, truitan de milionoj da kugloj. La germano ĝemegis, hurlis.

— Paki, István, he, paki! Ek, István, malutilos vin la multa dormo.

Estis oĉjo Kalla. Li vekadis min.

Du horojn ni staris ekirprete. Ni atendis ian komandon. Du kadruloj estis irintaj en la urbon por ia instrukcio, tiujn ni atendis. Fine ili revenis. Post granda interkonsilado oni deklaris:

— Malpaki! Enviciĝo por laboro.

— Nu, se ni restos, ni devos ankaŭ ree iri por akvo. Mi atentigis oĉjon Kalla, ke oni donu al ni armitan eskorton, ĉar male okazos al ni, kio hieraŭ.

Ni ricevis la eskorton. Du kadruloj venis kun armiloj, venis ankaŭ Rotyits kaj Szivos sur la sablokura kaleŝo. Laŭ la famo, ni ekiros morgaŭ. Lasta okazo ĉirkaŭrigardi en la urbo. Ĉe ili, ĉirkaŭrigardo signifas rabadon.

Ree do ni estas ĉe la argilkavo. Nin akceptas la hieraŭa bildo. El la fabrika korto oni eskortas kvin kaptitojn en la direkto de la

# La kanto de Ĥarono

L. Tárkony

*Dum aŭskulto de*
*„Orfeo" de Monteverdi*

Sur nigra akvo naĝas barko nigra
ĉe ombra sub' de morna nigra monto,
kaj naĝas mem la mont' en sonĝo pigra
sub la nebulvualo de l' submondo.
Kaj en la barko la remist' terura
kantas per kanto, pli ol roko, dura.
La kant' eterna, firma, tondra, roka,
krakanta kiel neĝlavang' sufoka,
la Faton hurlas . . .

Sed jen, batali iras nun Orfeo
kun liro lukta por la amtrofeo,
kun plenda voĉ' de l' vivo efemera,

kaj mutas jam la kanto de teruro,
de korotorda tristo, de torturo . . .
ekdormas jam la boatist' subtera.

Orfeo, stare sur la barka benko,
mem remas por la vanta, vana venko
al pala Reĝo de l' silent' aŭstera.

*

Boatisto ŝtonobrusta !
Se nude tremos mia orfa sin'
en via ŝip', sur akvo nigrembuska,
indulgu min !

Mi, por la rompo de la fera leĝo,
ne havos ja la liron de l' kantreĝo,
por venke lukti pri l' returno voja.
Kaj — kial tentus min la viv' refoja ?
Jen — ankaŭ sur ĉi florovesta tero,
dum bunta svarm' de kurta vivsomero,
ja kovras min per sia ombro frosta,
kunpremas min per sia barko osta,
forfermas min per sia kloŝo dorna
mia soleco morna.
Ne estos pli malbone sub la humo :
nur muto regas tie kaj mallumo,
silento sen espero, sen turmento,
kaj kara estas al mi la silento.

Auskultu do je mia vorto peta :
se sur la mortaj ondoj la boato
kun mi ekiros al la cel' sekreta,
ne ŝiru al mi tra l'anim' frosteta
per dura amara kanto de la Fato.

Alian kanton kantu al mi dum tio,
dum glitos nia ŝip' sur akvo blinda,
enlulu min per milda melodio,
karesa al la koro ektiminta.
Kiel iam la febre fajran frunton
la man' patrina tuŝis freŝigante :
enlulu min per kanto paco-sterna,
kaj sur l'animon lacan falos lante
la sonĝ' eterna.

(1943)

---

argilkavo, laŭ la vojo, laŭ kiu ni portis hieraŭ la vunditojn.

Nun mi jam scias, kien malaperas la kaptitoj, kiujn post la priaŭskulto oni ne eskortas en la kolektotendaron.

En la korto, ĉirkaŭ la puto, la hieraŭa sceno. La du kadruloj klopodegas venigi nin al la puto kaj ĝin teni en okupo, ĝis ni plenigos la barelon.

En la tendaro de la kaptitoj estas granda bruo, kriado. Oni envicigas la kaptitojn. De ekstere aŭdiĝas bruo de pafoj.

— Ĉu vi vidis ĵus tiujn kvin? — alflustras Onodi.

— Jes.

— Ili estis komisaroj, politrukoj.

— Kiel vi scias?

— Sur la kolumo ili havis grandan kvinpintan stelon. Nur tiujn oni ekzekutas, kaj la judojn kaj la vunditojn.

Ĉion li scias, tiu Onodi. Ĉiam li scias, kion fari. Scias, kio okazas kaj kial. Neniam li embarasiĝas. Li ne estas nervoza, nek hasta: se li volas, li havas multe da tempo, se li ne volas, li havas neniom. Li parolas malmulte. Li ne amas la multan demandadon. Neniam li alkrias iun, li nur murmuras inter la dentoj. Komence ni kredis, ke li havas naturon de maljuna fraŭlino, ĉar li multe murmuras. Nun ni jam amas lin. Ho ne, ni idoligas lin. Sufiĉas al ni lia palpebrumo, fari aŭ ne fari ion. Ni ĉiuj lin obeas. Ni ne elektis lin gvid-

# LA GRUPESTRO

HENRI'T SAS

*Drama sceno el franca mindistrikto.*

| | | |
|---|---|---|
| *Albert* Cazeneuve | *Mininĝeniero* | 65jara |
| S-ino Cazeneuve | *Lia edzino* | 45jara |
| *Paul Lacombe* | *Mininĝeniero* | 26jara |
| *Jeanne Lacombe* | *Lia edzino* | 20jare |
| *Michel* | *Grupestro* | 40jara |

*Kontoro, pordoj dekstre kaj maldekstre, fenestro en la fono, dekstre granda skribotablo, plena de paperoj kaj sur ĝi telefono.*

UNUA SCENO

*(Albert antaŭ la skribotablo, li skribas, s-ino C. legas gazeton.)*

**S-ino Cazen.:** Kioma estas?

**Albert:** 25 minutoj antaŭ la sesa. Li tuj estos ĉi tie.

**S-ino Cazen.:** Cu li venos per la vagonaro de la 5a kaj 20?

**Albert:** La 5a kaj 20, jes. *(silento; ŝi faldas la gazeton, iras antaŭ la fenestron)* Kion vi rigardas?

**S-ino Cazen.:** Nu tiel... kia terpeco. Mia Dio, kiom mizera ĝi aspektas.

**Albert:** Jam 9 jarojn ni rigardas tion; estas tempo, ke vi kutimiĝu al ĝi.

**S-ino Cazen.:** Neniam mi alkutimiĝos. Ba, kiel kalva, kiel griza kaj trista.

**Albert:** Jes, ja, infano, virinoj, kiuj amas la belan naturon, prefere ne prenu mininĝenieron kiel edzon.

**S-ino Cazen.:** Se nur ne tiom pluvus, sed la ĉielo senĉese ploradas jam 3 tagojn kaj noktojn. Tiu granda, subakviĝinta ebenaĵo agordas onin tiom malĝoja.

**Albert:** *(pugne minacas al la fenestro)* Oh, tiu damnita pluvo... Cu nenio ankoraŭ difektiĝis?

**Si-ino Cazen.:** Kio do?

**Albert:** La digo, kompreneble.

**S-ino Cazen.:** Ha, ne pensu do ĉiam pri tiu aĉa digo. Tage vi cerbumas pri ĝi, nokte ĝi ludas rolon en viaj sonĝoj... jes certe, la pasintan nokton vi eĉ vekis min per via sonĝado, per viaj paroloj kaj moviĝado. Laŭte vi kriis: la digo rompiĝas, ĝi rompiĝas. Estas ja ridinde.

**Albert:** Por tio mi havas kialon; se ĝi rompiĝus, ho kia afero. La rivero terure ŝvelis pro la senĉesa pluvado. La digo ja estas sufiĉe fortika, sed la akvopremo estas tre forta... Ne forgesu, ke ĉiuj minkoridoroj situas sub la rivero, kaj ke ĉe rompiĝo ĉiuj miaj 23 viroj dronus kiel musoj, ke ne

---

anto, li elkreskis gvidanto. Se necese, li estas patro, kiu direktas nin dure kaj decide; se necese, li estas patrine milda, li eĉ dorlotas nin. En li troviĝas ĉiuj kontraŭdiroj de la homa karaktero, kaj li saĝe uzas liajn karaktertrajtojn.

Mi estas sindona al li, kiel filo al patro, kiel frato pli juna al pli aĝa. Mi eĉ ne povas imagi sen li mian vivon. Li estas apud mi ankaŭ nevokite, li gardas min, ke mi ne faru ion fatalan. Lia ekstero estas tolerema, lia interno ribeladas. Li malamas senindulge ĉiun kaj ĉion malamikan al la popolo. Li donus ĉion sian por Sovjetio. Ankaŭ sian vivon, sen pripenso. Li estas kuraĝa kaj singarda. Li estas inteligenta, sperta pri ĉio, kaj, se li tion volas, li estas malsaĝa, plej stulta inter stultaj, kiam la stulto estas prudento. Mute ni lernas de li. Se ni jam kondutas ĝuste ankaŭ per ni mem, li grumbletas kontente. Li ne laŭdadas, nur agas-faras ĉirkaŭ ni kiel maljuna fraŭlino, al kiu oni komplimentis, kaj al kiu plaĉas al komplimento, sed kies etiketo, maljunfraŭlina fiero ne permesas danki por tio.

Kara oldulo! Kiam mi skribas pri vi ĉi tiujn liniojn, jen kuŝas antaŭ mi la donaco de la tramistoj. Ĝi estas la kopiaĵo de tiu monumento, kiu antaŭ la domo de la tramista sindikato anoncas la martirecon de la plej-bravuloj el la tramistoj. Tie estas via nomo sur la tabulo sub la pugnigita mano streĉita al la ĉielo. Sed la nomlisto estas neĝusta. Vi estas ne unu el la martiroj, ne unu el la multaj. Vi estis pligranda ol ĉiuj. Via nomo devas brili aparate.

Vi estis la majstro.

eblus savi eĉ unu... Oh, se mi pensas pri tio.

**S-ino Cazen.:** Do ne pensu pri tio, vi ja proprakoste jam instaligis telefonon sur via skribotablo, por ke vi havu tujan interligon kun la mino. Vi do povos ilin ĝustatempe averti, kiam minacos danĝero. Pli multe vi vere ne povas fari.

**Albert:** Mi tamen estas devigita ĉiumomente kontroli la situacion ĉe la digo.

**S-ino Cazen.:** Sed, ĉu vi ne faras tion?

**Albert:** Jes, certe...

**S-ino Cazen.:** Nu do?

**Albert:** Aĥ, se vi havus ian komprenon pri tiu peza respondeco... *(silento; ŝi prenas kudrajon, li skribas; la telefono sonoras)* Kio okazis? Oh, ĉu estas vi?*(al la edzino)* Jen estas Michel.

**S-ino Cazen.:** Ĉu la grupestro?

**Albert:** Jes... kio? Ĉu la korbo de puto 8a malbone funkcias? Ĉu... tiel... Bone. Oh, do ne tiom grave... Tion mi sciigos al la direkcio, kiu certe sendos muntiston. Ĉu la korbo de puto 9a bone funkcias? Jes? Ĉu vi mem konvinkiĝis pri tio?... tre bone... tre bone... ĝis revido, Michel. — Bravulo, tiom longe vivante kun ili, oni ekamas ilin. Tamen mi ĝojos, havante pension.

**S-ino Cazen.:** Pri tio vi jam ofte parolis.

**Albert:** Tamen ĉi-foje estas serioze. Mi petis la direkcion iom pli frue sendi la anstataŭonton por ke jam antaŭe mi iom informu lin.

**S-ino Cazen.:** Tiom longe tio daŭras?

**Albert:** Monaton, maksimume du monatojn... *(li rigardas la horloĝon)* li longe atendigas nin.

**S-ino Cazen.:** La kaŭzo estas tiu aĉa pluvo; ne forgesu, ke estas du mejloj de la stacidomo ĝis ĉi tie kaj tra tiu koto la aŭto certe ne multe progresas.

**Albert:** Ĉu vi ordigis lian ĉambron?

**S-ino Cazen.:** Jes, tre agrabla mi ne trovas la ĉeeston en la hejmo de tiuj tutfremdaj homoj kaj eĉ dum du monatoj.

**Albert:** Jes, ne eblas alie. En hora distanco troveblas nenia domo aŭ hotelo.

**S-ino Cazen.:** Se li nur ne estus edziĝinta.

**Albert:** Jes, sed hazarde li estas edzo. Ankoraŭ ne tiom longe... antaŭ tri monatoj li forlasis la lernejon kaj proksimume 8 tagojn poste li edziĝis.

**S-ino Cazen.:** Por eviti malfruiĝon. Do eble plej rapide informu lin, kaj poste ni ekloĝos en bela, kvieta regiono, Ansières, Colombes aŭ io tia.

**Albert:** Silentu... jes... mi aŭdas la aŭton. *(ambaŭ rapidas al la fenestro)* Jes, estas li.

**S-ino Cazen.:** Kiel juna li aspektas.

**Albert:** Mi iros renkonte al ili. *(foriras maldekstren.)*

DUA SCENO

*Antaŭaj — Paul Lacombe — Jeanne*

**Albert:** Nu, do eniru, mi petas, eniru, s-ino. *(prezentante)* S-ro Paul Lacombe, mia anstataŭanto, s-ino Cazeneuve...

**Paul:** *(prezentante)* Mia edzino, s-ino Lacombe.

**S-ino Cazen.:** Bonvolu eksidi.

**Albert:** Ĉu ne unue vi deziras iom vin refreŝigi?

**Paul:** *(ridetante)* Ne, mi dankas, ni envoje jam sufiĉe refreŝiĝis.

**S-ino Cazen.:** Pri tio mi ne dubas... en tia vetero. *(al Jeanne)* Taŭga kapti malvarmumon, ĉu ne, s-ino?

**Paul:** Mia edzino sufiĉe varme sin vestis, dankon, dankon.

**Albert:** Sendube vi trovis la regionon belega, ĉu?

**Paul:** Aĥ, jes, ja... estas multe da fabrikoj. Nu do, bonvolu diri al mi, kial via domo estas tiel izolita, kie do loĝas la ministoj?

**Albert:** Cirkaŭ 5 kilometrojn de ĉi tie, tuj apud la ĉefoficejo de la entrepreno... Tion vi ne supozis, ĉu? Ĉi tion kaŭzis la fakto, ke ĉi loke temas ne pri ordinara mino, sed pri malnova, jam de jaroj forlasita ŝakto, kie oni ĵus malkovris novajn tavolojn. Nun oni tie ne fosas, la malnovajn galeriojn oni apogas kaj tial do neniu loĝas en la ĉirkaŭaĵo. Cetere laboras tie maksimume nur 23 viroj, sed ĉiuj sub la tero.

**Paul:** Kaj ĉu vi kontentas pri ili?... Ĉu ili komprenas sian lokon en rilato kun superuloj?

**Albert:** Sendube, ili estas ja bravuloj. Mi iom ekamis ilin, ili fakte estas grandaj infanoj, ĉu vi komprenas? Aĥ, tiom da jaroj ni kune vivadis sub la tero.

# El la „Malnovaj Madrigaloj"

K. Kalocsay

*Kelkaj malnovaj madrigaloj*
*postrestis sur paperoj flavaj:*
*pri sonĝe sorĉaj kisregaloj*
*kelkaj malnovaj madrigaloj.*
*En mia aĝ' de folifaloj,*
*jen, arde de someroj ravaj,*
*kelkaj malnovaj madrigaloj*
*revivas sur paperoj flavaj . . .*

**Mi amas vin . . .**

Mi amas vin — ho, eluzita
parol! Mi hontas diri ĝin.
Konfesi pri la sent' agita
necesus nova vortkombin',
kaj mola, kiel kis' patrina
kun ĝojolarmo de dorloto,
kaj dura, kun valid' senfina,
kiel ĝismorte sankta voto,
balbuta de volupto svena
kaj blanka kiel blanka ardo,
jubila, flagra kaj solena
kiel en vento la standardo.

Mi amas vin — parolo griza,
gurdita de la amindum',
dirite, ĝi forflugas disa
kiel la cigareda fum'.
Mi tamen diras ĝin ripete,
kiel se adoleska bubo
plezuras en kaŝej' sekrete
per flugigata fumonubo:
li ĝin enspiras kaj elspiras,
ĝis en malleva-leva treno
lin en kapturnon dolĉan tiras
facilbalanca varma sveno.

Mi amas vin — ho tamen kara
parol'! Ĝi diras min al vi.
Ĝi estas la spegulo klara
de la eterna nostalgi',
per kiu mia sang' sopiras
en via kor' je bona hejmo,
per kiu mia sang' sopiras
flui en via varma vejno,
per kiu mia karno-osto
sopiras, ke ĝi en absorbo
fandiĝu el soleca frosto
en la printemp' de via korpo.

**Mil mil virinoj . . .**

Mil mil virinoj estis . . . Kie ili?
Jam dronis tute, tute!
Jen nur vin solan mi jam vidas brili,
vin solan, absolute!

Virinajn buŝojn kun la gust' matura
de sekvinber-aromo,
virginajn buŝojn kun acerbo pura
de cidonia pomo:

jen ĉiujn gustojn, ĉiujn buŝojn multajn
entenas viaj lipoj!
De ĉie pelas al vi distumultajn
dezirojn kaŝaj vipoj,

kaj kiel sovaĝbestoj, kiujn bridas
magia dresistino,
jen ili, katenitaj, milde sidas
ĉe via dolĉa sino.

---

**S-ino Cazen.:** Tamen Albert, vi tedas s-inon Lacombe per tiuj ofichistorioj. Ĉu vi jam rigardis minon, s-ino?

**Paul:** Ne, mia edzino neniam estis ekster Tourraine, *(malŝate)* tiu aĉa kulturgrundo.

**Albert:** Vi lasas la s-inon sidanta kun ĉapelo kaj mantelo. Nu do konduku ŝin supren kaj iel helpu ŝin.

**S-ino Cazen.:** Jes, tio estas vera, oh, pardonu min, s-ino.

**Jeanne:** Jes, ja, s-ino.

**S-ino Cazen.:** Nu, bonvolu do sekvi min . . . unu momenton, s-ro. *(ambaŭ foriras.)*

TRIA SCENO

*Paul — Albert*

**Paul:** Nun, inter viroj, vi povas tute disponi pri mi.

**Albert:** Por kio, vi supozas?

**Paŭl:** Por kiel eble plej baldaŭ informi min pri mia laboro.

**Alkemio.**

Viajn okulojn en l'okuloj,
kaj kisojn en surlipaj bruloj
mi portas kun mi ĉie.
Memor' de via korpo-varmo
obsedas min kaj ĝis eklarmo
min tuŝas emocie.

Kaj antaŭ la okul' fidela
ĉiu virinvizaĝo bela
kovriĝas per nebuloj,
kaj el post la nebulvualoj
alridas min la stelkristaloj
de viaj du okuloj.

Jen kiel ĉiu bel' kaj mildo
fariĝas por mi via bildo
per ŝanĝo alkemia,
kaj nur pli forte al vi ligas,
kaj nur pli forte dezirigas
vin, ho ebrio mia.

**Nokto de somero.**

La nokto de somero flustre
ekzumas per kantet' sekreta,
la nokto lulas brust-ĉe-bruste
nin sur insul' de Margareta.

Ĉi kie staris iam klostro
de palaj mutaj monakinoj,
kaj kie nun am-kaŝa bosko
pagane kreskas sur ruinoj,

la nokt' incensas nin per mento,
rezedo, malvo kaj narciso,
kaj unktas nin per sakramento
de am': per nefinebla kiso.

Kiel jubile ĉiuj griloj
per sia ĉirpo frenezumas!
Inter la herboj la lampiroj
diskrete sole por si lumas.

Kiel grandega strasa tulo
nin kovras la ĉiela arko
kaj lante kun ni la insulo
eknaĝas kiel nupta barko.

**Lunsorĉo.**

Feliĉa la pentristo, kiu
la nudon Amatinan per peniko
sur tolon sorĉas, ke, per eterniĝo,
ĝi ĉiam plu radiu.

Sed ho, ne licas al poeto
prikanti kaj konservi por eterno
ĉi ravon: devas kaŝi ĝin la fermo
sigela de sekreto.

Sur vi, ho mia fepejzaĝo,
la molaj kurboj kaj magiaj romboj,
kun sorĉaj briloj kaj misteraj ombroj,
do restas sen omaĝo

de entuziasmegaj psalmoj,
kiuj en versmarmoron ilin ĉizus,
ke tempospite pompus kaj surprizus
tiuj ekscitaj ĉarmoj.

— Mi tamen kantu pri l'momento,
kiam vi el mallumo vin elmergis
vestita nur per bel', kaj vin aspergis
la luno per arĝento:

---

**Albert:** Mi devas diri, vi rapidas pri aferoj.
**Paul:** Ĉu vi malaprobas tion?
**Albert:** Eĉ male, mi ŝatas tiun junecan fajron.
**Paul:** Mia sistemo estas korekte kaj decide agi.
**Albert:** Ĉu, vi do havas sistemojn?
**Paul:** Certe kaj vi?
**Albert:** Estante en via aĝo, ankaŭ mi havis ilin; tamen dum la vivo mi devis eniri tiom da flankaj vojoj, ke mi perdis ilin envoje.
**Paul:** Por reveni do al mia laboro...
**Albert:** Via deĵoro fariĝos sufiĉe peza, ĉar mi tieldire atendas vin, por povi mem iom ekripozi kaj mi intencas vin komisii per multe da detalajoj. Tio tamen ne troŝarĝos vin. Male ĝi estas tre instrua.
**Paul:** Oh, rilate tion, mi jam tre informiĝis, en la lernejo mi ekzakte pristudis la diversajn deviojn pri mindeĵorado.

en tiu ĉi kiras' de ĉasto
fajreris via tuta korpo blanka.
Makulo sola estis brilomanka
kiel malluma astro.

**Du virinoj.**

Sur bildo el bubinaj jaroj
kun kap' retrofleksita
vi staras, kaj, sub ondaj haroj,
via mieno spita
orgojlas kvazau mondmalŝate,
kaj la okuloj fulmas.
Ve al la vir', se li, logate,
ĉi amazonon sturmas!

La trajt' fiera kaj defia
de amazon-vizaĝo
plu pompas sur mieno via
en via virinaĝo,
kaj fandas nur la amofajro
per sia arda varmo
la duron de l'fier-emajlo
je mol' de milda ĉarmo.

Sed ĉion tiu ĉarm' superas:
per ia ŝanĝo fea
en miaj brakoj malaperas
mia Penthesileia,
kaj sinforgese min alridas
alia amatino:
en mia sino varme sidas
ronrona silk-katino.

Mi du virinojn en vi havas.
Pri tiu amazona,
pri ŝia spita bel' mi pavas
kun vanto fanfarona,
sed la alian mi gardadas
jaluze ĝis ekstremo,
kiel favoratinon kradas
sultano en haremo.

**Danko.**

Ho dankon por senĉesa
plezur' trans imageblo!
Kun rapideg' ekscesa
mi vivas en ĉi febro,
ĉar ĉiu hor' min benas
per tiom da ĝojriĉo,
ke unu tag' entenas
jardekon da feliĉo.

Jarcentoj preterdrivas,
sed, kiel en fabelo,
senvelke, fee vivas
plu via loga belo.
Jarcentoj preterdrivas,
sed mi, sub sorĉimuno
vin amas kaj soifas
en ĉiam-arda juno.

**Fruktoj.**

En la autuna frukt-abundo,
kiel feino de fekundo,
alvenas vi kun plena korbo
da nuksoj, prunoj, pomoj, piroj,
kaj ĉirkau via dolĉa korpo,
sur bluzo-streĉa brusto-volbo,
ebrie dancas la sunbriloj.

---

**Albert:** Mia kara, pardonu, sed teorio kaj praktiko estas du.

**Paul:** Ĉu tio signifas, ke vi dubas pri mia kapablo?

**Albert:** Nu ne tiom, tamen via juneco faras al mi zorgojn. Baldaŭ vi rilatos de frumatene ĝis malfruvespere kun viroj kaj certe kun viroj, kiuj ne ĉiam estas ŝafoj. Kun maljuna ĉevalo, kia mi, ili rilatas kviete kaj senekscite, sed starante kontraŭ tutjuna inĝeniero, ili tuj klopodas lin mistifiki, aŭ kiel ili tion nomas: „treni lin tra la ŝakto". Estu atenta kaj se vi akceptos de mi bonan konsilon, ĉiam montru pli da decidemo en via sinteno, ol kiom vi efektive posedas kaj neniam ŝanceliĝu . . .

**Paul:** Oh, rilate tion . . .

**Albert:** Feliĉe mi ekvidas, ke vi posedas multe da sinfido, tio estas tre bona, tio estas forto. Precipe komence tio povos

Ridete frukton vi prezentas,
kaj vian sukan buŝon pentras
purpure ruĝa la maturo.
Mi vidas, en sopir-tempesto,
nur tiun frukton de purpuro...
— Ho, ĝin surflugi, de plezuro
ebriiĝante, kiel vespo!

**Serenado.**

Silenton, dormas la trezoro,
subpremis milde ŝin langvoro.
Kun spir' da ruĝo roza
sur vangoj, dolĉripoza
ŝi kuŝas, la okulojn fermas
palpebroj silk-kurtene,
el ŝia dormo sonĝoj ĝermas,
traglitas surmiene.

Ho dolĉe nun rigardi vin,
fratin' en la feliĉo,
ŝirmante sonĝojn gardi vin,
atendi je l' vekiĝo.

En ŝiaj haroj dismetitaj,
kiuj per bukloj infrenglitaj
kaskadon ondan formas,
nun miaj kisoj dormas.
Ĉe l'brusto, el la punto krema,
okulas roza brilo...
For tento! ĝin per mano trema
mi kaŝas per kovrilo.

Ho dolĉe nun rigardi vin,
komplic' en la feliĉo,
sopir-retene gardi vin,
atendi je l'vekiĝo.

Pri la anĝeloj eta kanto,
kantata al endormiĝanto,
en mian kapon venas,
dancante trapromenas.
Zumetu al vi ĉi infana
karesa kantileno,
kiel muziko akompana
de gaja sonĝa sceno.

Ho dolĉe nun rigardi vin,
filino de l'feliĉo,
kun blanka mildo gardi vin,
atendi je l'vekiĝo.

Silenton, dormas la trezoro,
en sonĝojn lulis ŝin langvoro.
Sin ĉirkaŭ ŝia buŝo
karesas mi sen tuŝo.
Ho kiel bone... kiel strange...
Ĉi koro-prema ĉarmo!
Pro kio do al mi survange
ruliĝis granda larmo?

Ho dolĉe nun rigardi vin,
patrino de l'feliĉo
kor-emocie gardi vin,
atendi je l'vekiĝo.

---

multe utili al vi. Kvankam niaj laboristoj neniel estas ŝafoj, tamen ne estas tiom malfacile konservi la respekton. Ĉu vi vidas ĉi tie sur mia skribotablo la ruĝajn paperetojn, ĝi estas mia eltrovo. Vi vidas: sur ĝin mi presigis nomon, antaŭnomon, priskribon de la plendo ktp. ktp. Se ia laboristo obstinas, mi venigas lin ĉi tien kaj se li restas neinfluebla, mi prenas ruĝan paperon, kio signifas peton por anstataŭonto. Tuj li cedas, tiu minaco ĉiam efikas. Kompreneble mi neniam forsendis unu, kvankam tamen tiuj ruĝaj paperoj de patro Cazeneuve — kiel ili nomas min ĉi tie — pelas miajn virojn al prudento.

**Paul:** Tre bone trovite.

**Albert:** *(ridante)* Tion ankaŭ mi pensas.

KVARA SCENO.

*Antaŭaj — Jeanne — s-ino Cazeneuve.*

**Jeanne:** *(aperanta)* Nu Paul, vi konstatos, kiom nin dorlotas gesinjoroj Cazeneuve. Ni havas bonegan ĉambron.

**Albert:** Vere ĝojigis min povi tion aranĝi por vi. *(al la edzino)* Nu, ĉar vi ja restos ĉi tie por iom babili kun ges-roj Lacombe, mi profitos la okazon kontroli ekstere. Bonvolu do min pardoni momenton.

**Paul:** Certe, iru.

**S-ino Cazen.:** *(mallaŭte)* Mi kuraĝus veti, ke vi kontrolos la digon.

**Albert:** *(mallaŭte)* Jes, se ne, mi ne trovos trankvilon. *(al ges-roj Lacombe)* En kvarona horo mi revenos. *(foriras maldekstren)*

**S-ino Cazen.:** Sed do agu, kvazaŭ vi estus hejme... Aŭskultu, ne tro atentu, se la tagmanĝo ne estos tute bongusta, ĉar ne ĉio estas akirebla ĉi tie, kiel en granda urbo.

**Paul:** Oh, s-ino, tio certe aranĝiĝos.

**S-ino Cazen.:** Krome ĉi tie estas tiom malfacile dungi taŭgan servistinon. Antaŭ ne longe, s-ino, unu efektive bruligis bonegan ripviandajon... kaj nun, hodiaŭ, mi ne volonte dezirus, ke... mi vere bedaŭras, se mi ŝajnus malĝentila... tamen se vi permesas min lasi vin iom solaj... mi volonte rigardus en la kuirejo.

**Paul:** Oh, ne ĝenu vin por ni, s-ino, mi efektive bedaŭrus tion.

**S-ino Cazen.:** Ah, vi komprenas, tiuj servistinoj... *(foriras maldekstren)*

KVINA SCENO.

*Paul — Jeanne*

**Paul:** Kiel originala paro!

**Jeanne:** Ili aspektas tre bonaj.

**Paul:** Ĝuste kion mi diras, tiom naivaj, tiom provincaj, tiom tre burĝaj. Ĉu ni efektive havas agrablan ĉambron?

**Jeanne:** Tute ne, tion mi nur diris por plezurigi ilin. Ĝi estas tiel malgranda, tiel malalta kaj krome, kia tombeja panoramo!

**Paul:** Ne longe ni restos ĉi tie.

**Jeanne:** Ĉu vi supozas?

**Paul:** Kompreneble, aŭ ĉu vi opinias, ke mi poreterne min enterigos en ĉi tiu nesto?

**Jeanne:** Tamen, se viaj ĉefoj deziras tion?

**Paul:** Mi zorgos, ke ili ne forgesu min, pri tio vi povas kalkuli.

**Jeanne:** S-ino Cazeneuve diris al mi, ke jam naŭ jarojn ili estas ĉi tie.

**Paul:** Kompreneble, tia maljuna pantoflulo, kia patro Cazeneuve, kion la direkcio faru pri li? Vi povas esti certa, ke ili lasos min ne longe ĉi tie. Mi havas influriĉajn protektantojn kaj mi servos min per ili. Mi havas belegan estontecon antaŭ mi, ĉio dependas de la komenco. Tamen mi trabatos min, tion vi konstatos. Nu, kiel tio sonus: „S-ro Paul Lacombe, ĉefinĝeniero de la minoj, kavaliro de Honora Legio kaj s-ino Paul Lacombe havas la honoron sciigi al vi...?"

**Jeanne:** Vi estas nemulte honoravida.

**Paul:** Mi konsentas, honoravido vivigas. Pasigi la tutan vivon en la plej subaj tavoloj, eterne kaj daŭre barakti per malgranda salajro, bah, nenio por mi. Mi naskiĝis por ordono, por esti obeata kaj mi havas energion... Homoj kun volo, kun energio ne abundas.

**Jeanne:** Kaj kiam vi poste estos granda, fama inĝeniero, ĉu tiam vi ankoraŭ tiom min amos, Paul?

**Paul:** Kompreneble, kial vi demandas tion?

**Jeanne:** Ĝin kaŭzas tiuj momentoj, kiam mi iom timas vin. Kelkfoje mi sentas min tiel malgranda apud vi, vi estas tiel forta, tiel decidema.

**Paul:** *(ridetante)* Kiam mi poste estos granda inĝeniero, mi ankoraŭ pli ol nun amos vin. Ĉu bone do? *(li kisas ŝin).*

**Jeanne:** Jes, Paul, jes...

*(Oni frapas la maldekstan pordon, ŝi reiras.)*

**Paul:** Eniru.

SESA SCENO.

*Paul — Jeanne — Michel.*

**Michel:** Oh, pardonu, s-ro, s-ino, mi ne sciis, eble mi ĝenas.

**Paul:** Ne, eniru kaj diru do, kion vi intencas fari ĉi tie?

**Michel:** Ĉu eble s-ro Cazeneuve estas ĉi tie?

**Paul:** Jus eliris.

**Michel:** Damne, tion mi bedaŭras, tuj mi devas paroli kun li.

**Paul:** Ĉu prodejore?

**Michel:** Jes.

**Paul:** Kion vi deziras? *(li eksidas ĉe la skribotablo)* Nu, diru do, kio okazis?

**Michel:** Ĉu al vi mi diru tion, s-ro?

**Paul:** Jes, al mi, mi estas la anstataŭanto de s-ro Cazeneuve.

**Michel:** Ĉu vi?

**Paul:** *(nerveme)* Jes, mi, mi estas la nova inĝeniero. Sed unue: ĉu ne eblus demeti la kaskedon?

**Michel:** Ĉu mi? Kial ne? Tamen ĉe ni tio ne estas kutimo.

**Paul:** *(seke)* Ĉu — nu — de nun rigardu tion kutimo.

**Michel:** *(demetante la kaskedon)* Bone... Bonege..., se ne estas io alia... ne koleru pri tia bagatelo.

*Paul:* Kaj mi konsilas vin estontece paroli alitone al viaj superuloj. Ĉu komprenite?

**Jeanne:** *(interrompante)* Nu... Paŭl...

**Paul:** Jeanne, faru al mi la plezuron ne miksi

vin en miaj teknikaj oferoj. *(al Michel)* Kiel vi nomiĝas?

**Michel:** S-ro Cazeneuve min ja konas, mi estas Michel, la grupestro.

**Paul:** Kion vi propre deziras?

**Michel:** Mi deziras paroli kun s-ro Cazeneuve. *(Paul gestas malpacience)* Nu jes, mi scias, ke vi anstataŭas lin, sed tio ne estas la sama, vi ne konas la minon.

**Paul:** Bonvolu teni viajn konsiderojn por vi mem. Ĉiuokaze estontece vin turnu al mi kaj de ĉi tiu momento. Kaj do... *(rigardas sian poŝhorloĝon)* Ĉu oni ne laboras?

**Michel:** Jes, la aliaj laboras nun.

**Paul:** Kaj kial vi do ĉesis, vi certe havas gravan kialon?

**Michel:** Ĝin mi havas, sendube... Sciu — kiam mi estis laboranta... Tamen unue mi diru al vi, ke tiu senĉesa pluvado estas tre danĝera, ĉar... Oh, jes, pro tio vi unue sciu, ke tie kuras rivero.

**Paul:** Priafere, mi petas.

**Michel:** Nu, tiu rivero, „Sérance" ĝi nomiĝas, tiu... tiu kuras, jes, kiel...

**Paul:** Iom pli klare, mi petas, tiom da tempo mi ne havas.

**Michel:** Nu, do, kiam mi estis tie laboranta, ŝajnis, ke grandaj akveroj falas sur min.

**Paul:** Kaj tiam?

**Michel:** Kompreneble mi ne scias, de kie ili venas, sed mi ne telefonis por ne timigi miajn kamaradojn, ĉar eble signifas nenion. Tamen mi venas diri tion al s-ro Cazeneuve... al vi... supozante, ke eble estus pli prudente, ne daŭrigi la laboron.

**Paul:** *(ironie)* Ah-ha!

**Michel:** Jes, s-ro, jen tiu telefono iras al la mino, vi bezonas nur diri, ke ili supreniru kaj en 5 minutoj ili estos ĉi tie.

**Paul:** Ne malbone. Vi venis serĉi s-ron Cazeneuve por ia afero, hazarde vi trafis min ĉi tie kaj vi pensis, nu, tiun sinjoreton ni ja mistifiku, la unuan tagon, kiam li estas ĉi tie, „ni trenu lin tra la ŝakto". Ni estas pagataj, ni havos liberan tagon, kaptos kelkajn glasojn da brando, ĉio dank' al la nova inĝeniero. Ne, amiko, tio ĉe mi ne sukcesos.

**Michel:** Mi certigas al vi s-ro... nu... mi petas, telefonu al la knaboj.

**Paul:** Neniel okazos... bone, silentu do pri tio; ĉesigi la laboron de 23 viroj, ĉar vi sentis kelkajn akverojn sur la nazo... nu, vi poste kaŝe priridus min kaj prave... Mi ne telefonos.

**Michel:** S-ino, sed vi, vi petu, mi petas. Ĉu vi estas lia edzino?

**Jeanne:** Jes amiko, sed...

**Michel:** Vi parolu favore al ni, diru al li...

**Paul:** Jen tio estas bela, ĉu eble vi dezirus kortuŝi min. Vi komprenas min, ĉu jam sufiĉas nun. Morgaŭ ankoraŭ provu, eble tiam pli bone vi sukcesos. Tamen mi ankoraŭ deziras esprimi mian bedaŭron, ke vi, la grupestro, vin dediĉas al tiaj aferoj kaj finas la laboron antaŭ la fiksita horo. Ĉi foje mi pardonos tion, sed estu bonvola tuj malsupreniri al via laboro.

**Michel:** Ne.

**Paul:** Kion?

**Michel:** Mi ne iros.

**Paul:** Kaj tion vi kuraĝas tiel diri?

**Michel:** Mi ne kapablas alie.

**Paul:** *(furioza)* Bone, kara amiko, tiuokaze mi rapide finos... *(li serĉas inter la paperoj, eksidas antaŭ la skribotablo, prenas folion da ruĝa papero, tre malvarme)* Vi nomiĝas Michel, ĉu?

**Michel:** *(vigle)* Ah, s-ro, ne skribu, ne, ne skribu.

**Paul:** Michel estas via antaŭnomo, ĉu ne?

**Michel:** S-ro, mi havas edzinon kaj 5 infanojn, se mi maldungiĝus...

**Paul:** Ĉu vi malsupreniros, aŭ ne?

**Michel:** *(sinregante)* Mi iros s-ro.

**Paul:** A la bonne heure.

**Michel:** Sed pripensu, se okazos akcidento...

**Paul:** Ĉion mi prenas sur min.

**Michel:** Tio signifas neniom. Nu, Dio permesu, ke mi eraris, eble ne ekzistas danĝero... Mi iros, s-ro.

### SEPA SCENO.

*Paul — Jeanne — poste s-ino Cazeneuve — Albert.*

**Paul:** Jen, li scias kiel konduti.

**Jeanne:** Vi estis senindulga.

**Paul:** Ĉu senindulga? Sed, infanjo, oni ne rilatas al viroj, kiel al fraŭlinetoj.

**Jeanne:** Tio ne gravas, se efektive ekzistus danĝero.

# POEMO

**Puŝkin**

Mi ree venis do
Al tiu anguleto, kie mi
Vivadis dum du jaroj en ekzilo...
Jardek' de tiam pasis, kaj mi vidis
Dumtempe multajn ŝanĝojn en la vivo,
Kaj, obeante al komuna leĝo,
Mi ankaŭ mem ŝanĝiĝis — sed nun ree
Min vigle eksposedas la pasinto,
Kaj ŝajnas: nur hieraŭ mi vagadis
En tiuj boskoj.
Jen ekzildometo, —
Mi loĝis ĝin kun mia vartavino.
Si jam ne estas plu — mi jam ne aŭdas
El trans la muro ŝiajn pezajn paŝojn,
Nek ŝian zorgoplenan inspektadon,
Nek, en vesper', dum ĝemas neĝa vento,
Rakontojn ŝiajn, vorte ellernitajn
De infanaĝo — kaj neniam tedajn.
Jen la montet' arbriĉa, kie ofte
Senmove mi sidadis kaj rigardis
La lagon, kaj sopire rememoris
Aliajn bordojn kaj aliajn ondojn...
Ĉe l' oraj grenoj kaj paŝtejoj verdaj
La blua lago sin etendas vaste;
Sur ĝiaj pacaj nekonataj akvoj
Fiŝisto remas kaj post si li trenas
Mizeran reton. Sur deklivaj bordoj
Vilaĝoj sternas sin — post ili, tie,
Muelejo kurbiĝinta pene turnas
Per vento la flugilojn...
Ĉe la limo
De la bieno ava, ĝuste tie,
Kie al monto levas sin la vojo
Per pluvoj dislavita, tri pinarboj
Staradas — unu flanke, du aliaj
Proksime kune, — iam preter ili
Mi rajdis tie ĉi en lunaj noktoj,
Konata bruo de iliaj pintoj
Salutis ofte min. Nun mi ekrajdis
Tra tiu voj', kaj ili ĉiam samaj
Aperis antaŭ mi. Susur'ilia
Ree konate sonas al orelo,
Sed ĉe iliaj trunkoj, jam maljunaj,
(Sub kiuj iam estis nuda sablo),
Bosketo juna gaje kreskas nun,
Verdanta famili', kaj, kvazaŭ idoj,
Arbustoj rondas ilin. Sed ilia
Malgaja frat' aparte staras, sola,
Ve, fraul' maljuna; estas ĉirkaŭ li
Dezerte kiel ĉiam.
He, saluton,
Vi, juna fremda gent'! Mi vin ne vidos
En via forta plena aĝo, kiam
Vi superkreskos miajn konatulojn,
Kaj ties grizajn kapojn vi forkaŝos
De vido de pasant'. Sed mia nepo
Ekaŭdos eble vian dolĉan bruon,
Dum li, survoje el amika rondo,
Plena de gajaj kaj agrablaj pensoj,
Vin preteriros en malluma nokto,
Kaj rememoros min...

El la rusa: *A. Lavrov.*

---

**Paul:** Nu, nu, kiom vi lasas vin mistifiki, legu nur en iu ajn faka gazeto kaj vi konstatas, ke ĉiu mino tralasas akvon.

**S-ino Cazen.:** *(aperante)* Ĉu iu estis ĉi tie? Mi kredis aŭdi virvoĉon.

**Paul:** Jes, Michel, ia grupestro, kiu deziris mistifiki min.

**S-ino Cazen.:** Maljuna Michel, li estas bravulo.

**Paul:** Tre brava, ruza viro, kiu deziris trompi min per rakonto pri rivero.

**S-ino Cazen.:** Ĉu li parolis pri la rivero? Oh, tamen tio eble estis tre grava; la mino tie estas ŝirmata de digo kaj se ĝi rompiĝus...

**Paul:** Sed kiel do, nu diru...

**S-ino Cazen.:** Ĉu Michel ne diris ion pri la danĝero?

**Paul:** Ah, li nur iom babilaĉis...

**Albert:** *(aperas tre ekscitita)* Pardonon, afero tre grava.

**S-ino Cazen.:** Kio okazis?

**Albert:** Kion mi timis, okazis. La premo de la akvo estas tro forta, la digo ekrompiĝas.

**S-ino Cazen.** Tial Michel kuris ĉi tien.

**Albert:** Ĉu Michel, la grupestro?

**S-ino Cazen.:** Jes, ĉu vi do ne vidis lin?

**Albert:** Ne, kion li diris?

**Paul:** Mi parolis kun li, s-ro, li diris al mi ion pri akveroj, kiuj falis sur lin.

**Albert:** Vi ja tuj telefonis, mi esperas?

**Paul:** Ne, tion mi ne faris.

**Albert** *(irante al la telefono)* Kion vi diras? Kial ne? *(li premas butonon de la sonorilo)*

**Paul:** Li petis min suprenirigi la virojn, sed mi kredis, ke li deziras mistifiki min. Mi rifuzis telefoni kaj ordonis lin ree malsupreniri.

**Albert:** Granda Dio, tio estas frenezaĵo, frenezaĵo, mi diras. Michel estas honestulo. Vi devus ja aŭskulti lin. Dio, oh Dio, tio estas terura... ili ne respondas. *(irante al fenestro)* Jesuo, Maria, la digo rompiĝas... Mia Dio, mortaj... mortaj... Vi pereigis ilin... Vi... vi... tiu obstino.

**Paul:** Sed mi ne sciis... Mi pensis, ke...

**Albert:** Vi ne rajtis ordoni...

**Paul:** Kial vi ne avertis min?

**Albert:** Ĉu mi povis antaŭvidi ion tian? Oh, Dio, miaj knaboj... jen la rezulto de viaj sistemoj.

**Paul:** Sed ankoraŭfoje, kiel mi povis supozi...

**Albert:** Mizeruloj, kompatindaj, kompatindaj viroj. Ili devos, devos droni.

**Paul:** Ni savu, kio estas savebla.

**Albert:** Tro malfrue... neniu povas aliri... neniu povas nin helpi, neniu, mi diras, en 5 kilometra distanco. Ne restas eĉ la plej eta espero. Nur ni, duope. Finiĝis... Ankoraŭ unu afero farendas, averti la direkcion. *(al sia edzino)* Venigu la aŭton. *(s-ino Cazeneuve foriras)*

OKA SCENO

*Albert — Paul — Jeanne.*

**Jeanne:** Oh, s-ro Cazeneuve, estas terure. Ĉu vi certe scias, ke ili ĉiuj devos morti?

**Albert:** Mi scias tion, jam antaŭe mi sciis tion. Kiam la mino subakviĝas, neniu povas fuĝi kaj venas nenia respondo per la telefono.

**Paul:** Mortaj, ĉiuj mortaj.

**Albert:** *(al Paul)* Jes, ĉiuj mortaj kaj tio estas preskaŭ feliĉo por vi.

**Paul:** Kio?

**Albert:** Pensu pri via respondeco...

**Paul:** Kio?

**Albert:** Pensu pri via respondeco. Se nur unu restus vivanta, kiu terura akuzo al vi, via kariero por ĉiam neniigita. Morgaŭ certe 40 ĵurnaloj superŝutus vin per koto, ili atakus la direkcion, la inĝenierojn, la entreprenon. Kaj la juĝistaro?

**Paul:** Sed vi, s-ro, vi scias, kio okazis, kaj ili certe pridemandos vin, eble ankoraŭ hodiaŭ...

**Albert:** Jes — jes— mi, sendube mi devus diri, kion mi scias, tamen kial, jes kial? Ĉu tio revokos tiujn malfeliĉulojn al la vivo? Kaj vi, ankaŭ vi, s-ino, estus perdita, vi, ambaŭ... *(silento)* mi... mi silentos.

**Paul:** Mi dankas vin, oh, mi dankas vin, s-ro.

**Jeanne:** Mi dankas vin.

**Albert:** Ne danku min, infanoj, la plej gravan punon vi ne povos eviti, la riproĉon de la konscienco. Estu preta, mi rigardos, ĉu la aŭto jam alvenis. *(foriras)*

NAŬA SCENO

*Paul — Jeanne.*

**Jeanne:** Oh, Paul, estas terure kaj vi, vi faris tion.

**Paul:** Jes, estas terure, certe. Mi kulpas. Kaj tamen, ĉu mi povis tion antaŭvidi? La rivero ŝvelis, la digo rompiĝis. Malfeliĉa Michel, kiu min tiom malbone, tiom malkompreneble informis.

**Jeanne:** Por tio vi ne lasis tempon al li.

**Paul:** Aĥ, jam ne pli kulpigu min, mi ja sufiĉe suferas pri tio. Kaj tio pro nepripenso. Sed kiu ne farus kiel mi? Ĉu pro tio neniiĝos mia kariero, kial, kial do? Momenton mi vidis mian karieron, mian honoramon, mian iluzion, ĉion perdiĝinta. Tamen tio ne eblas. S-ro Cazeneuve silentos, tion li promesis. Ankoraŭ nenio perdiĝis, ĉar neniu scios la veron. *(la telefono sonoras)*

**Jeanne:** Ĉu vi aŭdas tion?

**Paul:** La telefono.

**Jeanne:** Sed tiuokaze ankoraŭ iu vivas tie.

**Paul:** *(ĉe la telefono)* Kio? Kiu parolas? Jes, estas mi, la nova inĝeniero. Kaj vi, kiu estas vi?... *(al Jeanne)* Michel...

**Jeanne:** Oh, kara Dio... kia feliĉo.

**Paul:** *(ĉe la telefono)* Ĉiuj aliaj mortis? Tio estas terura. Ĉu vi ankoraŭ ne estas malsupre? Jes... ĉu vi fuĝis en la galerion? ĉe la telefono? Kion? Ĉu vi estas en danĝero?... Ĉu la akvo altiĝas? Jes, ja mi aŭdas vin. Ĉu vi kuŝas en galerio sesa? Jes... Ĉu ĉirkaŭ ĝi staras muro? Jes... jes... Kion? Ne parolu tiom rapide, mi ne komprenas vin. Malsuprenirante laŭ puto 18a, ĉu tiam ni povas ĝin atingi per pioĉoj? Ĉu pioĉi breĉon en la muro? Bone,

ĉu tiel ni povos vin savi? kion?... malrapide paroli, mi ne plu aŭdas ion. La akvo altiĝas... tuj veni, jes, ja, ni venos, estu kuraĝa.

**Jeanne:** Dank' al Dio, eble ni ankoraŭ povos iun savi, mi vokos s-ron Cazeneuve.

**Paul:** *(ŝin retenas)* Jeanne.

**Jeanne:** Kion?

**Paul:** Restu ĉi tie.

**Jeanne:** Kion, ĉi tie... mi tuj iros.

**Paul:** Pripensu, kion li diris... se nur unu restus vivanta, kia akuzo kontraŭ ni... Se nur unu... precipe li. Al li mi ja ordonis.

**Paul:** Vi certe komprenas min... Li ne estu savita.

**Jeanne:** Mia Dio, Paul, kion vi intencas fari? Ne, tio ne eblas, tion vi ne deziras fari. Paul, oh Paul, permesu min iri.

**Paul:** Restu ĉi tie, mi diras.

**Jeanne:** Ne, tiel vi ne lasas lin morti... tiel — tiel — lasi lin droni, kiel beston. Paul, tion ne faru.

**Paul:** Kaj la juĝistaro, la juĝisto? Mi, ni akuzitaj. Neniam, mi ne kapablas.

**Jeanne:** Paul, li havas edzinon kaj infanojn. Paul, tio estas murdo.

**Paul:** Neniu ja scias tion.

**Jeanne:** Mi ĝin scias, mi, kiu ne plu amos vin. Inter ni ĉiam staros lia vizaĝo, lia riproĉa, mortanta vizaĝo. Oh, Paul, mi petegas vin, ne lasu lin morti, Paul... *(la telefono sonoras)*

**Paul:** *(ĉe la telefono)* Kion? Jes, mi avertis s-ron Cazeneuve. Kio? Per hakiloj? Jes, ni havas ilin... Ni venos.

**Jeanne:** Permesu min voki. *(ŝi vokas)* S-ro Cazeneuve, s-ino...

**Paul:** Silentu. Vi, vi do deziras detrui mian estontecon, rompi mian vivon, vidi min en karcero?

**Jeanne:** Iru lin helpi, Paul. Pensu pri tiu mizerulo. Sola... premita kontraŭ la muro, kun la akvo, altiĝanta al lia gorĝo. Oh, estas terure, konsterne. Ne, ne, tion vi ne rajtas fari. Savu lin.

**Paul:** Sed silentu do, ili aŭdos vin.

**Jeanne:** Nu, jes, ili aŭdu min; ili venu, ili helpu min. Kion vi faras, estas monstraĵo. Via estonteco, kio estas via estonteco ĉe la morto de homo. *(la telefono sonoras)* Li vokas... Aŭskultu lin.

**Paul:** Kial ankoraŭ pli longe?

**Jeanne:** *(aŭskultas)* Oh. la akvo altiĝas ĝis liaj genuoj. *(en la telefono)* Jes, ili estas envoje, ili certe jam estas ĉe vi. Estu kuraĝa. Oh, Paul, lia voĉo estas terura, tiu voĉo plena de angoro, kruda, tremanta. *(telefono sonoras)* Ne, mi ne foriros, mi restos ĉi tie, jes, mi aŭdas tion. *(al Paul)* Mi devos resti ĉe la telefono, li diras, ke li timas, angoras, lia lampo estingiĝis. li estas en mallumo, la akvo altiĝas. *(saltas de la tablo)* Oh, tiu voĉo, mi ne kuraĝas plu aŭskulti, mi freneziĝus. *(akre)* Ne, ne, mi ne iros, ne, ne, mi ne volas, mi ne volas, mi diras. Vi iru, Paul... ne, ne vi, se li aŭdas, ke vi restas ĉi tie. *(akre)* Oh, Dio, oh Dio, se li nur silentus. *(akre)* Li vokas, Paul, li vokas. Aŭskultu, mi aŭdas paŝojn... jen ili estas, nun ili aŭdos lin. Fine!!

**Paul:** *(forŝiras la dratojn de la telefono)* Ne, ili ne aŭdos lin! Neniu! Neniu!

**Jeanne:** *(duonsvene)* Murdisto!... Murdisto!!

DEKA SCENO.

*Antaŭaj — Albert — S-ino Cazeneuve.*

**Albert:** La aŭto estas ĉi tie. En duona horo ni estos ĉe la ĉefoficejo. Ĉu vi estas preta?

**Paul:** Jes.

**Jeanne:** *(tremante)* Ne, ne, ne lasu min sola, mi timas!

**Albert:** Ni devas foriri, s-ino.

**Paul:** Necesas. S-ino Cazeneuve restos ĉe vi.

**Jeanne:** Vi ne lasos min sola, ĉu? Ĉi nokte ne sola en mia ĉambro, ĉu s-ino? Mi ne volas esti sola, ne sola.

**S-ino Cazen.:** Trankviliĝu do, s-ino. *(al Paul)* Mi zorgos pri ŝi.

**Albert:** *(al Paul)* Venu.

*(Dum la aliaj tri foriras, Jeanne dolore eksingultas.)*

**Fino.**

El la nederlanda: *P. Ŝvarc*

# MALNOVAJ LAMPOJ

Brendon Clark

II.

**Tradukante.**

„Ĉiom de la ĉina poezio estas rimhava, kaj oni antaŭsupozas, ke ĉiu ĉina literaturisto estas poeto. Ĉar la verkado de poemoj jam daŭris almenaŭ 3000 jarojn, kaj ĉar la honoro postulas ke la familio de aŭtoro publikigu ĉiujn ties verkojn post lia morto, la kvanto de la ĉina poezio estas tute neimagebla."

*(Children's Encyclopedia)*

„Kaj tial, antaŭ ĉio, mi diras al vi serioze kaj aŭtoritate (mi scias, ke tiurilate mi pravas): vi devas fari kutimon atentege rigardi la vortojn, kaj vin certigi pri ilia signifo, silabon post silabo — eĉ literon post litero. La tuta diferenco inter la edukiteco kaj ne-edukiteco (rilate al ĝia intelekta aspekto), troviĝas en tiu precizemo."

*(Ruskin)*

„La (persa) poeto plej konata al legantoj de la angla lingvo estas Omar Khayyam, kies pesimisma Rubajaro estas parafazita en la tempo de la Reĝino Victoria (Viktorino), de Edward FitzGerald, kun tia muzikeca melankolio, ke en sia angla robo ĝi pli ĉarmis, ol la persa originalo kaj fariĝis angla klasiko."

*(Children's Encyclopedia)*

„La beleco de formo en ia literatura verko neeviteble perdiĝas pro tradukiĝo, kvankam ĝi povas esti iom anstataŭata au imitata en lerta traduko; sed la beleco kaj forto de ideoj devas esti facile konserveblaj, tiel, ekzemple, ke oni povas diri, ke la genieco de FitzGerald entute esprimis la belajon de la verskvaroj de Umar Khayyam."

*(Prof. E. G. Browne, Cambridge, en Literatura Historio de Persujo, p. 142.)*

„FitzGerald alprenis la solan metrikon, kiu taŭgas por verskvaroj (t. e., anglalingve — la Aŭtoro) ... po dek silaboj en ĉiu verso. Iom da metrika konformeco ekzistas inter la metriko de la originalo kaj tiu de la traduko, kaj kvankam la akordo tiurilate ne estas perfekta, almenaŭ ĝi sugestias la originalon. Aleksandriaj versoj estus eĉ pli taŭgaj, kaj ... germanaj tradukintoj de la Rubaiyat de Omar jam uzis ilin; sed, kion s-ro E. H. Winfield montris, tiu metriko ne konvenas al la angla lingvo."

*(Antaŭparolo de Syed Abdul Majid antaŭ La Rubaiyat de Hafiz, p. 37.)*

(Do, nek la anglaj, nek la germanaj tradukintoj sklavece imitis la formon de la persa originalo, sed ŝanĝis ĝin konforme al la bezonoj de siaj lingvoj. Tiun kutimon ankaŭ ni, Esperantistoj rajtas alpreni. Pasante, la persa ‚rubajo' ne estas verskvaro, sed versparo kun interna rimo en la unua verso; tamen en la europaj lingvoj tiaj versoj estus tro longaj. Refoje ni ŝanĝis la originalan formon! — *La Aŭtoro.*)

Preskaŭ ĉiom de la angla poezio
Marŝas laŭ la takto de la jamba ritmo,
Kaj kvintaktaj estas la plej multaj versoj.
Konsonantoj inter unusilabaĵoj
Kiel kugloj kontraŭ ŝildojn interklakas.
Male, Esperanto estas ina lingvo,
Milda, dolĉa, flua, kun vokalaj finoj
Kiuj kreas spacon inter la radikoj —
Lingvo tauga por la amo kaj la paco.
Kiel geedzigi tiajn malsamulojn?
Ĉu do kontraŭ la ineco ni perfortu,
Ŝanĝu ĝian sekson, kaj el belulino
Kreu nur duonaseksan, ĝiban monstron,
Kiun eĉ la geamintoj ne rekonas?
Ĉu vi dubas, ke la jamboj ja perfortas?
Skandu, do, per jamboj, versojn el *Hamleto,*
Kaj rimarku la disrompon de la vortoj:
„Ne pren/u prunt/e kaj/ ne prun/te don/u..."
Poste, skandu per trokeoj, kaj komparu:
„Ne/ prenu/ prunte/ kaj ne/ prunte/ donu..."
Kiu do makulas nian Esperanton
Per apostrofitaj jamboj, nur similas
Al koloniano el malvarma lando,
Kiu sur tropika tero vestas sin
Ankoraŭ varme kiel ĉe l' patrujo —
Kaj retenas ĉiam la reirbileton!

*

Anglalingve, ĉiu unusilabaĵo
Povas esti vivoplena kiel ovo;
Esperante, senakcentaj finvokaloj
Oleumas la fluadon de la vortoj.
Sed komprenon pli ol esprimadon helpas.
Sekve, sama verslongeco Esperante
Ne esprimas la originalan penson,
Tamen sonas kaj aspektas malpli longa;
Pégasus, ekgalopante, elseligas
La rajdanton. Sed samtempe ambaŭ mankojn
Ni forgesas, aldonante pluajn taktojn
Laŭ bezono de la esprimotaj pensoj.
Kaj, se jamboj tradukitaj de trokeoj
Perdas iom da digneco pro la ritmo,
Tiu kroma takto kiel brido agas,
Kaj redonas la klasikan majestecon.
Nur por la samideano oni verkas;
Tiu la originalon ne komprenas,
Sin ne ĝenas pri originala formo,

Sed postulas nur, ke la traduko estu
Plaĉa, flua, komprenebla kaj fidela,
Ĉio iom haltiganta la komprenon,
Ĉu nereguleco, ĉu neologismo,
Elizio, aŭ la kunpremita frazo,
Estas per la plua peno evitinda . . .
Por ke ni konservu — kial, mi ne scias —
Iun fremdan econ de gepatra lingvo,
Ni tre ofte murdis la pulsantan lingvon,
Kaj mumion faris el la nuda korpo.
Ni do kun fiero liberigu nin
El la postuloj de la nacilandaj stiloj:
Malgracie marŝas tiu, kiu premas
Policanpiedon en princinan ŝuon.

*

Pli la tradukanto gajnas ol legantoj:
Kvankam iun verkon ofte mi tralegis,
Ne antaŭe mi haltigis min por pensi:
„Kion ĝuste tiu frazo volas diri?"
Nun mi elkonstatas ĝian trafan povon;
Vortbeleco eklumiĝas mian cerbon
Kiel fulmo montras noktomezajn florojn.
Ĉiam poste, tiu vorto estos mia,
Tiu vigla frazo inter miaj riĉoj . . .

„Sed vidu, la mateno en purpura vesto
„Marŝas, oriente, sur la monta roso . . ."

Kio estas realeco? La pejzaĝo
El solida tero estas efemera
Kiel tiu horo kiam ni ĝin vidas;
Sed la bela figuraĵo de la menso
Daŭras aktuala tra la tuta vivo.
La malĝojo tiel premas sur la koron,
Ke la suferanto, nur duonkonscia,
Trovas sin sen larmoj en nebula mondo:
Tamen poste, tralegante la doloron
Elpensitan en la cerbo de poeto,
Li resentas kion li ne povis diri,
Kaj ekploras nun pro nura fantazio
Nur dum tradukado sentis mi la forton
De la du tremigaj versoj en *Hamleto*:

„Tomboj kuŝis forlasite, kaj kadavroj en kiteloj
„Pepis kaj buŝoste babilaĉis sur la Romaj stratoj."

Elnaskinte tiun bildon, nepre Shakespeare
Enlitiĝis kun la hirtiĝantaj haroj —
Kaj antaŭe ekrigardis sub la liton!
Kia perdo, kiam pro metrikaj limoj,
Zamenhof tradukis jene tiujn versojn
„Mortintoj sin ellevis el la tomboj
„Kaj promenadis tra la urbaj stratoj."

Eble en la tuta Sonetaro, Shakespeare
Ne superis la belecon de la versoj:
(Son. CXXXII)

„Kaj verdire, nek la suno de l' mateno
„Al la griza vango de la oriento
„Pli konvenas — nek la stelo je alveno
„De vespero, al la ombra okcidento —
„Ol al vi la funebrantaj du okuloj."

Kiu perdis la amatojn, sentas vera
La soneton de Elizabeto Browning:

„Sciu: korangoro estas senpasia;
Nur la nekredantoj pri la malespero
Kiel pri malĝojo, nokte tra l'aero
Krias kaj riproĉas al la trono Dia.
Ĉe l' animo, dezerteco emocia
Kuŝas nud-silenta kiel ĉe la tero,
Sub paliga helo kaj okul-severo
De ĉiela Tuto. Pro Mortinto via,
Korprofunda homo, mute kvazaŭ morte,
Montru la malĝojon — Jen, la monumenta
Statuego devas stari kaj sopiri,
Ĝis en polvon diseriĝos ĝi senforte.
Palpu: se marmoro seka kaj sensenta
Plori povus, ankaŭ povus ĝi foriri."

Tri semajnojn loĝis mi kun la Muziko,
Tradukante eble la plej belan verkon
En la angla lingvo: Keats: Al la Aŭtuno:
„. . . ĝis abeloj kredos, ke la jaro
De sunvarmaj tagoj ne finiĝos; ĉar nektaro
De somero superfluas en gluecaj ĉeloj.

„Kiu vin ne vidis ofte inter viaj varoj?
Kiu ajn vagante serĉas, kelkafoje trovas
Vin revanta sur greneja planko, kun la haroj
Levetataj kiam la kribranta vento blovas;
Aŭ en parte rikoltita sulko, plendormanta
Pro la fumoj de papavoj . . .

„Kie estas la kantaro de l' Printempo — kie?
Jam ne gravas; ĉe vi ankaŭ estas la muziko,
Kiam lumostrioj de vespero idilie
Tuŝas rozkolore la stoplaron de tritiko . . ."

*

Ĉu ne ĉiu vera arto sin apogas
Sur elekton de detaloj forgesitaj
De la ordinara homo — kiuj, tamen,

# LETERO AL LA PATRINO

OLIVER GOLDSMITH

(1728—1774)

La aŭtoro de la mondkonata „La Vikario de Wakefield" estis irlandano, kaj ĉi tiu letero montras la senzorgan, facilaniman spiriton, kiu laŭdire karakterizas la irlandanojn. Loksidiĝinte en London, li famiĝis kiel literaturisto, kaj ankoraŭ la lingve elektemaj angloj ŝatas liajn verkojn. La tradukinto penis konservi la stilan naivecon kaj tiutempecon de la originalo.

*Mia Kara Patrino,*

se vi sidiĝos kaj trankvile aŭskultos, kion mi diros, vi plene ricevos respondojn al tiuj demandoj, kiujn vi metis al mi. Mi iris al urbo Cork kaj vendis kontraŭ mono mian ĉevalon, kiun vi ŝatas pli ol Fiddleback,[1] mi haviĝis al mi loĝlokon sur ŝipo ironta Amerikon kaj samtempe pagis la kapitanon pri mia transporto kaj la ceteraj kostoj de la vojaĝo. Sed dum tri semajnoj okazis, ke la vento ne estis favora; vi scias, patrino, ke mi ne komandas la elementojn. Estis mia malbonsorto, ke, kiam la vento ekfavoris, mi estis kun homo en la kamparo, kaj la kapitano ne demandis pri mi, sed forvelis kun tiom da indiferento, kiom li havus, se mi estus sur la ŝipo. La ceteron de la tempo mi pasigis en la urbo kaj ĝia ĉirkaŭo, rigardante ĉion kuriozan, kaj vi scias, ke neniu povas malsategi, dum li havas monon en la poŝo.

Tamen, elspezinte ĉion ĝis miaj lastaj du gineoj, mi komencis pensi pri mia kara patrino kaj amikoj, kiujn mi lasis post mi, do aĉetis tiun bonrasan[2] beston Fiddleback kaj adiaŭis la urbon Cork kun nur kvin ŝilingoj en poŝo.[3] Verdire, tio estis nur malmulta porcio por homo kaj ĉevalo vojaĝontaj pli ol cent mejlojn, sed mi ne perdis la kuraĝon, ĉar mi sciis, ke mi nepre trovos amikojn sur la vojo.

Mi aparte rememoris malnovan kaj fidindan viron, kiun mi konis en la kolegio; li tiam ofte fervore petis min pasigi someron en lia hejmo, kaj li loĝis nur ok mejlojn de Cork. Tiun cirkonstancon de apudeco li katimis rimarkigi al mi kun aparta emfazo. Li diradis: „Ni ĝuos la plezurojn de urbo kaj ankaŭ de kamparo, kaj vi rajtos libere uzi miajn ĉevalojn kaj monujon".

Sed okazis, ke sur la vojo mi renkontiĝis kun malriĉa virino ploranta, kiu informis min, ke ŝia edzo trafis en areston pro ŝuldo, kiun li ne povas pagi, kaj ke liaj ok infanoj do devas malsategi, ĉar mankas al ili la laboro de la patro, kiu sola subtenis ilin. Mi rigardis min jam homo en la hejmo, estante ne malproksima de la domo de mia bona amiko, tial mi donis al ŝi la duonon de mia monhavo; kaj, patrino, ĉu mi ne devus doni al ŝi la tuton, ĉar nur la duono ne povis al ŝi multe helpi? Nu, finfine mi alvenis al la domego de mia bonkora amiko. Gardis ĝin dogego, kiu furioze saltis al mi kaj min disŝirus, se ne malhelpus ĝin virino, kies vizaĝo estis ne malpli forpuŝa ol tiu de la dogo. Tamen ŝi, kun granda homindeco, savis min el la makzeloj de tiu Cerbero kaj konsentis porti mian nomon al sia mastro.

Ne lasinte min atendi longe, mia malnova amiko, kiu estis refortiĝanta el severa malsano, venis malsupren en noktoĉapo, dormrobo kaj pantofloj kaj enbrakigis min en tre kora bonveno, enkondukis min kaj, rakontinte al mi la historion de sia malsano, min certigis, ke li rigardas sin aparte bonsorta en tio, ke li havas sub sia tegmento la homon de li plej amatan sur la tero, kaj kies kunloĝado, pli ol iu ajn afero, nepre lin plene

[1] Fiddleback: nomo de la ĉevalo, kiun li poste aĉetis.

[2] Angle: generous. Jam arkaika en tiu senco (etre d'un sang genereux).

[3] En la originalo estas klare, ke G. havis du „half-crowns" (du apartajn monerojn, po 2½ ŝilingoj).

Genieco esprimitaj. Ĉu devigas
Rememori la tutaĵon per la parto?
Jen, detalo estas ero de la Vero,
Kaj la Vero estas absoluta tuto.
Gemo kiu foje kuŝas nevidata
En la mallumeco de la homa menso;
Kaj, post longa noktomado, vortradio
Lumas sur faceton, kaj la homo tuj
Rekonas tion, kio estas en li mem.
Kaj krias el instinkta scio: „Jen la Vero!"

resanigos. Mi nun amare bedaŭris, ke mi ne donis al la malriĉa virino la ceteran duonon de mia mono, ĉar mi kredis, ke ĉiu mia homa bezono ricevos kontentigon pere de tiu ĉi honesta viro. Mi malkaŝis al li ĉiujn miajn malfacilojn, libere dirante, ke mi havas nur du ŝilinĝojn kaj duonon en la poŝo, sed ke nun, kiel ŝipo post ŝtormo, mi rigardas min sekura en sendanĝera kaj gastema haveno. Li ne respondis, sed iradis tien-reen en la ĉambro, frotante la manojn, kvazaŭ li estus en profunda penso. Tion mi atribuis al la kunsentaj movoj de mola koro, kio pligrandigis mian estimon al li, kaj, dum tiu estimo kreskis, mi donis al la silento la plej favoran interpreton. Mi rigardis ĝin kiel delikatecon de sinteno, kvazaŭ li timus vundi mian memrespekton per vorta esprimo de kondolenco, do volus lasi, ke lia malavara konduto parolu per si mem.

Jam alproksimiĝis la sesa horo de la vespero, kaj ĉar mi ne manĝis en tiu mateno, kaj mia spirito vigliĝis, mia apetito estis eksterordinare akra. Fine la maljuna virino eniris la ĉambron, portante du telerojn, unu kuleron kaj malpuran tukon, kiun ŝi kovre metis sur la tablon. Tiu apero, kvankam ĝi ne pliviglis mian spiriton, neniel malpliigis mian manĝdeziron. Mia patronino baldaŭ revenis kun malgranda pelvo da sagao, telereto da malfreŝa lakto, malmola bulko el bruna pano kaj sekiĝinta restaĵo de malnova fromaĝo, sur kiu svarmis akaroj. Mia amiko pardonpetis, ke lia malsano devigas lin vivnutri per kaĉoj, do plibona manĝo ne estas en la domo. Li samtempe rimarkis, ke lakta dieto certe estas la plej sandona; je la oka horo li refoje rekomendis laŭregulan vivon, asertante, ke, kiom lin koncernas, li celas kuŝiĝi samhore kiel la ŝafidoj kaj eldormiĝi kun la alaŭdoj. Mia malsato jam estis tiel dolora, ke mi volis ankoraŭ unu pecon de la bulko, sed devis pasi liten sen eĉ tiu nutraĵo.

Tia fastotempa regalo jam decidigis min forlasi la lokon kiel eble plej frue. En la sekvinta mateno, kiam mi parolis pri mia foriro, li ne kontraŭstaris mian intencon; pliĝuste li milde aprobis ĝin, aldonante iom da tre saĝa konsilo pri la okazo. „Ja vere", li observis, „ju pli longe vi fortenas vin de via patrino, des pli vi ĉagrenos ŝin kaj viajn aliajn amikojn. Krome, ili eble estas jam afliktitaj, aŭdinte pri via malsaĝa ekskurso".

Malgraŭ ĉio tio, kaj sen ajna espero moligi tiele avaran koron, mi denove atentigis lin pri mia malfacila situacio, kaj demandante lin, kiel li pensas, ke mi povas vojaĝi pli ol cent mejlojn per du ŝilingoj kaj duono, mi petis prunton de unu gineo, pri kiu mi promesis ĝin danke repagi. „Vi scias, sinjoro, ke tio ne estas pli, ol kiom mi volonte farus por vi". Li firme respondis: „Atentu, S-ro Goldsmith, tio estas ekstertema. Mi repagis al vi ĉion, kion vi iam pruntis al mi, kaj tiu ĉi malsano lasis min sen mono. Sed venis al mi el la kapon ideo pri ia veturmodo por vi. Vendu vian ĉevalon, kaj mi donos al vi multe pli bonan, per kiu vi rajdos". Mi volonte akceptis lian proponon kaj petis vidi la beston. Je tio, li kondukis min en sian dormocambron, kie li eltiris de sub la lito fortikan kverkan bastonon. „Jen ĝi", li diris, „prenu ĝin en la manon. Ĝi portos vin ĝis via patrino pli efike ol povus tion fari la ĉevalo, kiun vi nun havas". Sentante ĝin en la mano, mi havis ektenton apliki ĝin al lia verto, sed frapo sur la pordo igis la aĉulon rapidiri al ĝi, kaj kiam mi revenis la salonetoon, li konatigis min kun la nove-veninto, kvazaŭ nenio malagrabla ĵus okazus, nomante min „S-ro Goldsmith. lia plej bonedukita kaj respektinda amiko, pri kiu antaŭe la vizitanto multfoje aŭdis lin paroli kun ravo".

Mi nur malfacile povis reteni mian koleron, kaj certe mi iel malkaŝis mian indignon al la fremdulo, kiu estis advokato en la najbaraĵo, homo de plaĉa aspekto kaj ĝentila kondutmaniero. Pasiginte horon, tiu invitis mian amikon kaj min ĉefmanĝi en sia domo. Tion mi komence malakceptis, ĉar mi ne volis plu havi rilaton kun mia malgastema amiko. Sed fine mi lasis min konsenti al ilia peto, el du motivoj: plaĉis al mi la aspekto de la advokato, kaj mi tre bezonis bonan manĝon. Kaj en la advokata domo mi ja trovis ĉion dezireblan — abundon sen parada malŝpareco, elegantecon sen pompa afekto.

Jam noktiĝis, kaj mia malnova amiko, ĝissate manĝinta ĉe la tablo de la najbaro, tamen denove parolis pri kuŝo samtempa kun la ŝafidoj kaj faris al mi geston, ke ni foriru

# VIRO, KIU NE APLAŬDAS

Seikiti Huzimori*

Subite mi ekrimarkis: stranga homo, kial nur li ne aplaŭdas?

Ĉiuj aŭskultantoj ja aplaŭdas la oratoron pro lia fajra parolado kaj sendas uraganajn sonojn al la tribuno frapante la manojn tiel forte, ke la polmoj ŝajnas rompiĝi. Ne, pli ĝuste ili salvas. Kelkaj el ili eĉ ne povas kontentiĝi per tio kaj ekkrias: „Ĝuste, ĝuste tiel!" „Ni ĉiuj estas la viktimoj!" „La policanoj estas niaj malamikoj"

Ĉiufoje kiam la entuziasmo de la aŭskultantoj eksplodis, la okuloj de la policanoj, kiuj sieĝis la kunvenojn kvazaŭ stratаj arboj, ekbrilas kolere kaj la sabroj minace tintas kvazaŭ ĉenoj ĉe hundoj. Sed kompreneble tiaj esprimoj efikas neniom. La akuzoj de la oratoroj estas pravaj. En ili sonas la autoritato de tribunalo kaj kunjuĝantoj. Kaj hodiaŭ la policanoj estas juĝatoj.

Se la policanoj denove kuraĝos ektumulti, neniu el la aŭskultantoj restos sen kontrauago. Tion scias ankaŭ ili, la juĝatoj. Jen kial ili bridas sian agadon minimume je minaca okulumado kaj sabrotintigado.

„La parolad-kunveno por akuzi policanojn kontraŭ ilia agado dum la Unua de Majo" progresas tiel en tribunala uragano. Kiam oratoroj-laboristoj ekkrias, ankaŭ la aŭskultantoj kune ekkrias en siaj koroj. Ĉies sentoj ekflamas komune, skuiĝas kaj moviĝas — sed strange, kion signifas tio? Kial nur tiu ĉi viro restas mistere silenta kaj kvieta?

Tiu ĉi viro, simila al roko en maro, sidis rekte apud mi. Li havis vizaĝon nigre palan, sed iel li aspektis malforta. Lia nazo iom kurbiĝis flanken kaj liaj okuloj estis akraj. Li estis vestita en kruda kaki-kolora laborbluzo kaj ĉiel aspektis kiel mezjara laboristo. Li solide fermas la buŝon kaj ĉiam rigardas kolere al la oratoroj.

„Bruto!" Mi ekpensis. „Ci lerte alivestas cin. Kion ci tiel fervore rigardas? Ĉu ci detale enskribas la vizaĝtrajtojn de la ribelantoj en la kajero de cia memoro? Aŭ ĉu ciaj okuloj estas ĉien-vidaj kiel la okuloj de libelo?"... Mi atente observis lin. Sed li ankoraŭ ne moviĝas. Ĉiam ankorau li ne aplaŭdas, nek ekkrias.

Min ekkaptis stranga sento. „Ĉu li estas spiono ankorau nova? Aŭ malnova spiono tiom sperta kaj senhonta? Li ekposedis min tiel forte, ke mi jam ne atentis la paroladon kaj alproksimigis mian vizaĝon al li, por alparoli lin: „Hej!" kiam io ekbrilis en liaj okuloj per elektra lumo. Ha, kiel strange! Ĉu tiu ĉi hundo emociiĝis per io kaj ekploras?... En tiu momento granda uragano denove ekskuis la kunvenejon. Kaj jen li eklevis kvazau sinforgese sian brakon, kiu troviĝis ĉe mia flanko kaj ŝajnis ĝis nun sen viva. Sed apenau li levis ĝin al sia brusto, li lasis ĝin fali sur la genuon.

Tiam mi faris grandan eltrovon, certe pli grandan ol tiu de la kontinento atribuata al Kolombo. Mia sango momente kontraufluis. Mi streĉis miajn okulojn en duonmallumo. Jes, mia supozo estis ĝusta. La objekto, kiu tremetis sur lia genuo, estis senpolma mano — ne, ĝi estis simpla bastono!

Mi ekvidis antaŭ miaj okuloj unu vizion pli rapide kaj forte ol ekbrilo de magnezio. Dekoj da transmisioj (movrimenoj) ekbrilantaj kaj brue fluantaj kvazaŭ akvofaloj; motoroj zumantaj; maŝinoj turniĝantaj glate kaj rapide kvazau katoj... Jen mano kroĉiĝas je akra ungo de unu el ili kaj momente kvin fingroj kaj polmo disflugas en ruĝeta fumo kaj nebulo...

Nun mi komprenis ĉion. Miaj okuloj subite pleniĝis per larmoj.

„Kamarado!"

Sufokiĝante en blanka nebulo mi ekprenis en miajn ambaŭ manojn la vivantan objekton, kiu similis al ignamo kaj silente tremadis.

El la japana: *T. Kurisu*

* Veterano de japana revolucia literaturo kaj aŭtoro de multaj noveloj, romanoj, dramoj ktp.

---

liahejmen. Je tio, mia malavara gastiganto petis min okupi liton en lia domo; mi do klare informis mian malnovan amikon, ke li povas nun hejmeniri kaj gardi la ĉevalon, kiun li donis al mi, sed ke mi neniam plu transpasos lian sojlon. Ridante li foriris; kaj mi rakontis ĉion al la advokato, tiel aldonante al tio, kion li jam antaŭe sciis pri sia verŝajniga najbaro.

Nu, kara patrino, mi trovis sufiĉon por rezigni min je tuta mia malsaĝo; ĉar tie ĉi mi pasigis tri plenajn tagojn. La advokato havas du dolĉajn filinojn, kiuj ĉarme ludis la klavcenon.[4] Tamen nur melankolia estis la plezuro, kiun mi sentis, unue aŭdante ilin, ĉar ĝis tiam ili ne ludis tiun muzikilon de post la morto de la patrino. Mi rimarkis larmojn kuri sur la vangoj de la patro. Ĉiun tagon mi volis foriri, sed ĉiun tagon mi ricevis inviton pluresti. Ĉe la adiaŭo la advokato proponis sian monujon, kun ĉevalo kaj servisto por akompani min hejmen, sed la lastajn mi ne akceptis, kaj prenis nur unu gineon por necesaj elspezoj sur la vojo.

El la angla: *F. R. BANHAM.*

[4] klavceno. En Fulcher & Long; Wüster, Verax (ankaŭ, klaviero). Komparu: klavikordo. A. harpsichord.

# LA KRUTAĴO

Reto Rossetti

De supre sur la deklivo venis la voĉo de la arbotrenisto.

„Hot, hot, mia bela! Ekla! Jaj, mia brava! Tiru, do! Vidu, la vireto bezonas ja lignon!"

Barto ridetis al mi. „Dan instigas sian ĉevalon", li diris.

Subite la voĉo de Dan ŝanĝiĝis.

„Haj, vi straba bovido! Kion vi faraĉas, somnambulo! Atentu do vian ĉevalon! For de la krutaĵo! Se la arbo misglitos, tiam kun la ĉevalo... Pigra[1]) porko vi! Ĉu tion vi nomas trenaĵo?? Mi vidis ja korvon traflugi kun pli ol tio en la ungoj por neston fari! Vi kota kapo! — al pli stulta la Dio ne enblovis ankoraŭ la vivon! Kristo krevigu vin!"

Barto ekridis. „Nun li krias al sia filo. Kia voĉo! Kaj kiel suke li sakras! Tamen tute bonkora li estas."

Ni ambaŭ ripozigis la duansan segilon, per kiu ni dissegis la altrenitajn arbojn je oportunaj longoj por la segejo. Nun la hufbatado proksimiĝis, ni aŭdis jam la ronkadon de la peneganta ĉevalo kaj la grincadon de la dekvinmetra lariko ,kiun ĝi trenis. Baldaŭ Dan alvenis, trotante fortike apud la ĉevalino. En la mano, anstataŭ vipo, li havis branĉeton preskaŭ junke maldikan — ridinda timigilo!

„Haj, Dan," salutis Barto, kiam la arbo aldoniĝis al nia staplo kaj la jungilo estis malkroĉita. „Vi estas en vigla humoro hodiaŭ."

Dan transrigardis al sia bubo, kiu kun alia trenĉevalo priservis duan paron da dissegantoj. „Tiu muka miskreito volas pereigi al mi ĉevalon," li murmuris. „Jam ok ĉevalojn mi perdis en ĉi tiu laboro. Ĝi estas kruela deklivo. Kaj plej danĝera estas tiu krutaĵo. Tie mi perdis belan stalonon[2]) antaŭ du monatoj. La arbo ruliĝis flanken kaj hop! ĝi saltis en la abismon kaj la stalono ĉi kune. Sed la pli multajn ĉ'alojn eluzas la laborado."

„Tamen vi ne mistraktas ilin," mi rimarkis.

„Povraj bestoj", diris Dan medite, kaj lia voĉo sonis jam karese. „Ne mi, sed la deklivo finas ilin. Mi aĉetas ilin grasajn kiel bovoj, mi rotigas ilin, ripozigas laŭvice po du semajnoj en la stalo. Mi nutras ilin plejeble bone — nenio helpas. Post ses monatoj, se ne akcidento mortigis ilin, ili fariĝas magraj kiel stativo, jam elĉerpitaj. Ĉu vi aŭdis tiun ĉ'alinon, kiel ŝi stertoras? Tion faris, ne la ŝarĝotreno, sed la suprenirado. Kruela deklivo ĝi estas." Li ekprenis la bridon. „Nu, ek denove! Ĉu vi havas ŝarĝon por la boĝio? Mi opinias aŭdi la traktoron."

Ni aŭskultis. Mallaŭte, de fore, ni kvazaŭ aŭdis la put-putadon de benzin-motoro. Ni kliniĝis denove super la segilo kaj Dan reiris sur la deklivon.

La traktoro alvenis sur la vojo, trenante la malplenan boĝion. Ni ĝin ŝarĝis, rulante la longajn ŝtipojn sur lignaj reloj. Poste Fergo, la traktoristo, diris al sia helpanto: „Rolfo, ĉu vi volas resti ĉe la segado kun Barto?" Kaj al mi: „Vi povas veni kun mi ĉi fojon, Toĉjo, se vi deziras."

Tre volonte mi akceptis. Tiu kuniro ja estos ripoza ekskurso. Temis nur helpi malŝarĝi ĉe la segejo, kaj tiam paŝos duonhoro da agrable malrapida veturado kun la traktoro. Ni ekvojis. Kaj Fergo konfidis al mi, per tiu sama, mole ĝentila voĉo: „Mi prefere vin havas kun mi, Toĉjo, ĉar tiu Rolfo tro impetas, kaj ĵetas tro impulse sian finon de la ŝtipo dum la malŝarĝo. Sciu, tio povas danĝeri al la kunulo. Lastan fojon li ĵetis tiele, dum mi ankoraŭ portis la ŝtipon. Mi tuj ekĵetis mian finon, sed pro la nesamtempa ellaso la ŝtipo resaltis alte ĉe mia flanko kaj preskaŭ forportis mian kapon."

„Li paradas per sia forto", mi diris, „Li amas spektakli. Tre kruda li estas."

„Jes, li estas bona junulo, sed iom tro fervora. Li ne komprenas", rediris Fergo indulge.

Mi ridetis, imagante la diferencon inter la piroteknika insultado de Dan la trenisto, kaj la milda parolo de Fergo la traktoristo. Ni alvenis la supron de deklivo, kaj Fergo haltigis la traktoron, dum mi desaltis kaj aplikis

[1]) maldiligenta
[2]) virĉevalo

# L I N G V O

## NEFERMITA LETERO al S-ro M. C. BUTLER

*(Daŭrigo)*

Mi ne opinias, ke la pli kaj pli kreskanta malinklino al la uzo de -uj- devenas nur de ties maloportunaĵoj, ĉi-komence aluditaj: aliajn maloportunaĵojn la esperantistoj jam delonge toleras, kaj ne ŝajnas pretaj forjeti. Sendube oni povus elmeti la supozon, ke la unuavida komprenebleco ludas ian rolon en la afero: la landnomoj estas efektive *propraj nomoj*, kaj ĉe ili, pli ol ĉe la ceteraj lingvaj elementoj, efikas, por eviti miskomprenojn, la neceso pri internacia aspekto de la formoj. Estas tre neprobable, ke neesperantista franca poŝtisto iam rekonos en „Danujo" (kion li prononcas „daniĵo"") la ĉiekonatan Danemark, Denmark, Dänemark, Danimarca ktp. Formoj, kiaj Francujo, Polujo, Svisujo, estas evidentaj defioj al la internacieco.

Sed mi opinias, ke la vera kaŭzo de la malfavoro suferata de la uj-formoj estas pli intima, pli profunda, kaj, kiel vi diris — sed en alia senco, ol kiun vi diris — de origino politika. Ĉar (kaj mi notis tion ĉi supre) estas Zamenhof mem, kiu enmetis politikan signifon en la demandon pri la landnomoj; kaj ne al la sufikso -i-, sed ja al la sufikso -uj- li ĝin almetis! Pro diversaj cirkonstancoj, Zamenhof estis obsedita de la ideo pri rasoj; li kredis al la ekzisto de la rasoj, ne al biologie puraj rasoj, sed al historie, religie kaj more difinitaj rasoj, kiujn li nomis „gentoj". Kaj la landojn li rigardis kiel la ekskluzivan posedaĵon de unu aparta gento: tio estis fakto, kiun li kondamnis (de tie la Homaranismo), sed kiun li opiniis nenegebla. Kaj estas ĝuste tiu sama fakto, kiun la okcidenteŭropaj demokratoj

---

la bremson de la boĝio por la descenda[3]) vojo.

„Mi admiras la senpasion de viaj paroloj", mi diris, „se iu mian kapon endanĝerigus per sia mallerto, mi ja trovus pli fortan vorton ol „fervora" por skribi lin! Natura ĝentilhomo vi estas, Fergo! Kaj grandan estimon pro tio vi havas ĉe la laboristoj."

Nu vidu, per tiu rimarko mi mem vidiĝis tian nazoŝovadon, pri kiu efektiva laborkamarado ne estus kulpa. Tiuj ne okupas sin per personaĵoj: ili senparole sed naturtakte akceptas la homon tia, kia li estas. Sed mi, intelektulo provizore provanta la korplaboron, arogis al mi juĝi kaj komenti rekte en la vizaĝon de la homo! Tamen eĉ ne per okulharo Fergo donis signon pri mia impertinento. Li duonturnis sin al mi kaj diris:

„Ĉu vi scias, ke iam mi havis tre flamiĝeman temperamenton? Tio estis antaŭ longe, kiam mi estis ankoraŭ junulo..."

Li paŭzis kaj enpensiĝe rigardis al la krutaĵo, jam trans la valo, kies blanka faco elstaris kiel pitoreska trajto en la monta pejzaĝo.

„Mia frato Adamo kaj mi estis atletaj, sportamaj knaboj. Ni grimpis la montojn, ni kuris, saltis, boksis. Unu vesperon ni vestis la boksgantojn por amika skermo. Ni ambaŭ estis kaj fervore praktikis la boks-teknikon; ni manovris, evitis, ekbatis: piŝtobato, arkobato kaj tiel plu. Meze de la skermo Adamo fintis per la dekstra kaj per la maldekstra trafis en mian makzelon. Mi ekflamis kiel rezina ligno kaj blinde-kolere rebatis draŝante dupugne kaj vanigante lian arton per la furiozo de mia atako. Adamo rezigne faliĝis la manojn. Mi, malatentante lian batalhalton, piŝtis en lian vizaĝon. Sur lia vangosto aperis malhela kontuzo. La okuloj de Adamo flagris kaj kun kolera malestimo li sin forturnis de mi, deŝiris de siaj manoj la boksgantojn, kaj foriris.

La tutan vesperon ni ne kunparolis. Same malpace ni iris dormi.

Matene Adamo leviĝis frue kaj eliris por fari grimpadon sur la roko de tiu krutaĵo. Dek futojn de la supro li falis — kiakaŭze, mi ne scias. Lian frakasitan korpon trovis paŝtisto, kiu alarmis nin. Mi iris kun mia patro al la loko. Tie kuŝis Adamo, kaj tie, sur lia morta vango ankoraŭ sidis la kontuzo, kiun mi donis al li la antaŭan vesperon."

Fergo turnis al mi milde malĝojan rigardon kaj diris reve, kun sincer-naiva tono:

„Ĉu vi scias, Toĉjo? La vido de tiu makulo tiel skuis min, ke de tiu tago mi neniam plu ekkoleris."

Subite mi sentis, ke mia bela poŝpleno da vortoj traglitas inter miaj fingroj kiel sablo. Silente mi enrampis en la traktoron.

Fergo funkciigis la maŝinon kaj la traktoro ekiris malsupren.

[3]) malsuprenira

tute ne agnoskas kaj rigardas kiel eraran vidpunkton. Por ili, lau la ĝusta formulo de Moch, en lia ĉi-supre citita raporto, „la nacieco estas difinita ne per la lingvo, ne per la gento, sed per morala fakto, la konsento". Jen kial la ideo rigardi la landon de la mulato Aleksandro Dumas, de la italdevena E. Zola, de la hispandevena J. M. de Heredia, de la poldevena G. Apollinaire, de la greknaskita J. Moreas, de la usonnaskita Fr. Vielin-Griffin, de la rumannaskita A. de Noailles, kiel „ujon por francoj", profunde ŝokas ne nur, kiel vi diris (proksimume) la sennaciulojn, maldekstranojn kaj aliajn ateistojn, sed eĉ la komunsaĝan „homon en la strato".

Aliflanke la ekscesoj, kiujn dum la lasta mondmilito naskis tiu sama ideo pri gento aŭ raso, la ĝenerala sento, ke la nacioj kaj regnoj estas provizora kaj baldau transpaŝota ŝtupo en la irado de la historio, la kreskanta konscio pri arkaiĝo de la landlimoj kaj pri aspiro al supernaciaj unuoj — ĉi tio nenerezisteble deadmonas la esperantistojn de tia sociologia sistemo, kiu rigardas primitivajn la rasojn kaj dependigas de ili la nomadon de la regnoj. Jen kial la Zamenhofa uj-sistemo, inspirata al ili de la orient-eŭropaj arkaaj moroj, ne povis bone farti en la okcident-eŭropa atmosfero, tute same kiel la verbaspektaj afiksoj -ad- kaj ek-, inspiritaj de la slavaj pensokutimoj, povis postvivi en nia nuna lingvo nur post ŝanĝo de ilia primitiva karaktero. Sume, temas do ĉi tie multe malpli pri *lingva* demando, ol pri demando *socia*.

Se mia analizo estis ĝusta, vi devos forcedi al mi, ke la evoluofortoj, kiuj forpuŝas de la uzado de -uj- kaj alpuŝas al tiu de -i-, estas nek neglektindaj, nek malfortiĝontaj. Ili efektive estas duspecaj: sur la lingva tereno efikas la leĝo pri malplej granda penemo (la io-formoj estas pli facile memorigeblaj, ĉar pli internaciaj); sur la socia tereno, efikas la leĝo pri imitado (oni imitas nur, kion oni rigardas supera, kaj la io-formoj atestas pli superan civilizostadion). Estas do nenia ŝanco, ke la esperantistaro, en sia granda plimulto, revenos iam al la ekskluziva uzado de -uj-.

*

Ni resumu la situacion:

1. Oni nun malinklinas al la uzado de sufikso -uj-, kaj estas neverŝajne, ke tiu malinklino malkreskos.

2. Aliflanke, la *psikologiaj* motivoj, kiujn la L. K. havis en 1922 por malkonsili la uzadon de la sufikso -i-, malaperis kun la morto de Ido.

3. El la *lingva* vidpunkto, la enkonduko de unu nova sufikso paralele kun alia malnova kaj fundamenta, estas grava elpaŝo, kiun oni devas fari „nur en okazoj de efektiva neceseco" (Fundamento).

4. Sed fari tian elpaŝon estas la nekontestebla rajto de la L. K., laŭ Zamenhof mem kaj laŭ Fundamento.

5. La skismo inter la L. K. kaj la amaso de la esperantistoj, kiu endanĝerigas la unuecon kaj stabilecon de nia movado, ne povas esti alimaniere solvita, ol per rezigno pri la privilegio de *uj-*.

Restas do konfronti la punktojn 3. kaj 5. Ĉu la unueco de la movado ŝajnas al vi io „necesa"? Se jes, vi devas konsekvence konkludi, ke la L. K. bone farus reviziante sian pozicion.

En 1922 Cart havis la esperon, ke la tuta esperantistaro aŭskultos lian admonon kaj pace unuiĝos pri la uzado de la uj-formoj. Tio estis tre legitima espero — sed la sekvo de la historio montris ĝin falsa. Kion do ni faru hodiaŭ? Ĉu obstini en pozicio, kiu iom post iom ŝancelos la prestiĝon kaj aŭtoritatecon de la lingvaj institucioj? Ĉu ne estus pli prudente, cedi al la realaĵo, eĉ se tiu kontraŭdiras la teorion?

Ne temas, kompreneble, pri oficialigo de la sufikso -i-. Povas temi nur pri la permeso libere uzi tiun sufikson *paralele* kun la sufikso *uj*, lasante la finecidon al la uzado. Tia estis la formulo, kiun Zamenhof proponis teorie en la antaŭparolo al la Fundamento, kiun li provis praktike en liaj du „Projektoj pri Neologismoj"; tia estis la solvo, kiun, fidele al la doktrino de la majstro, Grosjean-Maupin indikis jam en 1921; tia estas la propono, kiun, fidele al ili ambaŭ, mi direktos al la Lingva Komitato, kiam ĝi estos reorganizita. Kaj mi sincere invitas vin, en spirito de pacigo kaj de konkordo, aligi vian voĉon al la mia. Mi tre bone scias, ke mia propono elmetas al risko gravan principon; sed ĝi havas la avantaĝon rekrei la lingvan unuecon kaj la konkordon en nia movado, kaj mi ne konas pricipojn, kiuj egalvalorus tiun avantaĝon.

Simpatie via,

**G. Waringhien**

P. S. Vi sendube rimarkis, ke mi ne diskutis pri la detaloj. Mi bone konscias, ke. kiel demonstris Grosjean-Maupin, la *io* solvo ne estas perfekta; sed almenaŭ, en si mem, ĝi ne estas pli malperfekta, ol la *ujo* solvo, tute male. „Francio", „Anglio" respondas en franca aŭ angla lingvo al la vortoj malpli vastsencaj, ol la esperantaj? Eble, sed aliflanke tio evitigus al ni la ridindon nomi Niponon „la ujo de la sunlevo" (Japan-ujo), aŭ Aŭstrion „la ujo de la okcidento" (Aŭstr-ujo). Oni ne atingos plenan unuformecon? Nu, se vi plende bedaŭras la kaosecon de la landlistoj en la abontabelo de nia Revuo, mi tute plende bedaŭras la kaosecon de tiu aŭ alia loko en via tre ortodoksa (mi permesas al mi paroli nur el la lingva vidpunkto) Nova Testamento (vidu ekz-e, Agoj II 9—10), aŭ de la Zamenhof-sistema nomado de la tri membroj de Beneluks: Belg*ujo*, Neder*lando*, Luksemburg*io*. Oni neniam scios, ĉu la radiko mem montras la popolanon, aŭ ĉu oni devas uzi la sufikson *an*? Nu, estas sufiĉe simple, se oni kon-

sentos uzi *principe* por la popolnomo la sufikson *an*, kio estas la plej racia metodo, kiel jam de longe montris Boirac; se, krome, ĉe kelkaj, 7 aŭ 10, landoj, la formo sensufiksa estas pli internacia, nenio malhelpos uzi ĝin libere apud la alia, kiel mallongigon: „dano" kaj „daniano", „polo" kaj „poliano" (se oni ne volas sekvi s-ron Meazzini ĝis „Polonio"). Cetere, ĉar temas pri propraj, diversoriginaj nomoj, restos ĉiam nereguligeblaj esceptoj: kiel uzi komunan radikon por „Madagaskaro" kaj „malgaŝo", „Mauritanio" kaj „maŭro", „Sardinio" kaj „sardo", „Turkestano" kaj „turkmeno"? — Sed ĉio tio estas vere detaletoj, kiujn oni devas flanken meti ,se oni volas konsideri la esencon de la problemo.

G. W.

*

Kara amiko, ne koleru, mi devas refuti vian politikan lingvistikon.

Unue, mi ege kontestas, ke la nacioj estus provizora kaj baldaŭ transpaŝota ŝtupo en la irado de la historio. Oni vidas tute la malon. En Sovjetunio naskiĝis novaj nacioj en la kadro de federaciaj aŭ aŭtonomaj respublikoj: Kazakio, Gruzio, Turkmenio, Aserbejĝanio, Uzbekio, Taĝikio, Kirgizio, Burjatmongolio, Jakutio ktp. Ili evoluigas sian propran lingvon, kulturon, ekonomion. Ili plimultiĝas. Ili anoncos sin en la kultura konkuro de la popoloj. La mondo estos pli multkolora ol iam. Kaj, kiel oni vidas, la nomoj de tiuj landoj estas devenigitaj el la nomoj de la respektivaj popoloj. Tiu sistemo do ne nur ne elmodiĝis, sed eĉ nun komencas flori.[1] Kaj tiun freŝan akirajon de la justa nacia politiko oni vere ne povas nomi „orienteŭropa arkaa moro". Arkaa moro estis la carismo, kiu volis estingi la ekziston de tiuj nacioj.

Due, el viaj vortoj mi ne komprenas klare, kion kondamnis Zamenhof, kaj kion agnoskas aŭ ne agnoskas la „okcidenteŭropaj demokratoj". Laŭ mia opinio, Zamenhof kondamnis tion, ke iu gento rigardas sia ekskluziva proprajo teritorion loĝatan de multaj diversaj gentoj, ne donas al tiuj egalajn rajtojn, sed volas ilin neniigi, fandi en sin mem perforte, aŭ sklave ekspluati ilin kiel gentojn malsuperajn. Sed mi ne kredas, ke li kondamnis tion, ke ĉiu lando estas la ekskluziva proprajo de tiu gento, kiu ĝin ekskluzive loĝas. Estas tre grave distingi bone inter tiuj du okazoj, ĉar kiu ne aprobas la duan, tiu aprobas la unuan. Se la okcidentaj demokratoj rifuzas al la gentoj posedi ekskluzive sian teritorion, ili per tio evidente agnoskas la rajton de fremda gento forpreni de tiuj gentoj la ekskluzivecon de posedo. Ili do aprobas la subpremon de unu gento fare de la alia.

Trie, mi trovas netauga la formulon de Moch. Nacio estas difinita per komuna lingvo, komuna teritorio, komuna ekonomio, komunaj kulturaj kaj moraj tradicioj. Komprenehle, povas okazi, ke iuj sin konfesas apartenantaj al alia nacio ol sia denaska, sed tiuj esceptoj signifas nenion: la nacion formas ne tiuj migrobirdoj, sed la popolo, la amasoj. Kaj malgraŭ Zola, Heredia, Moreas, Noailles ktp., mi ne kredas, ke francon „profunde ŝokus" tio, ke teritorio loĝata de franclingva, francekonomia, franckultura, francmora *popolo* estas nomata Franclando.

Kvare, la ekscesojn dum la lasta mondmilito naskis ne la ideo de la gentoj, sed la ideo de la „supera raso", do ĝuste tio, kion Zamenhof kondamnis, kaj kion, mi timas, la okcidentaj demokratoj inklinas agnoski (tiu supera raso nun troviĝas ne trans la Rejno, sed trans la Atlantiko). Se la germanoj estus rigardintaj sia ekskluziva proprajo nur la germanloĝatajn teritoriojn, la Hitlera milito ne estus eksplodinta.

Kvine, la „okcidenteŭropa atmosfero" estas atmosfero de la grandburĝa klaso, kiu, por savi (tiel longe, kiel eble) sian profiton, vendas sian landon al la Usona monopolkapitalo. Kaj ĝi estas mensoga atmosfero: la „okcidentaj demokratoj", predikante kosmopolitismon, samtempe faras naciismajn militojn en la kolonioj. La lucidaj demokratoj (tiaj ekzistas ankaŭ en la Okcidento) al tiu kosmopolitismo de naciistoj kontraŭstarigas la internaciismon de la patriotoj. Ilia devizo estas: batali por nacia sendependo, por nacia ekonomio kaj kulturo, kaj helpi ĉiujn popolojn, kiuj batalas por tiuj celoj. Tiu batalo estas samtempe nacia kaj klasa, ĉar, kiel Marx diris, la laboristaro ne povas liberigi sin mem, ne liberiginte sian nacion. Kaj tial la lantismo, la sennaciismo, kiu lamigas tiun batalon, estas esence reakcia doktrino. Ĝi predikas propre kapitulacon antaŭ la sennaciiga, ĉion enfandanta kaj sklaviga monopolkapitalismo.

Estas eble, ke iam ĉiuj gentoj de la mondo kunfandiĝos, perdinte siajn gentajn apartajojn, sed tio estas muziko de la malproksima futuro. Provizore la direkto de la evoluo estas: unioj kaj federacioj, en kiuj ĉiu gento konservas sian sendependecon lingvan, kulturan, ekonomian, teritorian, evoluigante sin laŭplane, subtenante unu la alian kaj akordigante siajn klopodojn laŭ la principo de reciproka helpo.

Evidente, interne de tiuj unioj la landoj estas nomataj laŭ la nomo de la gentoj, kies ekskluziva proprajo ili estas.

Mi tre bedaŭras, ke mi, simpatiante al -IO, devis vin seniĝi de argumento ŝajnanta al vi plej decida. Tamen: amicus Plato...

K. Kalocsay

### Devi — deveti

Bonvolu respondi, kiamaniere traduki la ĉeĥan frazon: „Měl jsem jiti k lékaři" (germane „ich sollte zum Arzt gehen")! Oni povus diri: „oni atendis ke mi iru (sed mi ne iris)", aŭ „mi estis ironta". Sed „mi estis ironta" miaopinie ne enhavas la sencon: estis iom mia devo, ke

# OBSERVO

## Post la dorso de Dio

Kvardek kilometrojn sude el Salerno la vojo turniĝas enlanden ĉe la urbo Eboli kaj eniras la kalvan, kalkoŝtonan dezerton de la Italuja maleolo, la neniesteron inter Kalabrio kaj Apulio. Ĝi estas senarba regiono de kruta, monotona kalko, markita per surmontetaj vilaĝoj. La loĝantoj estas konsumitaj de malario kaj torporaj pro malriĉo kaj malsato: neglektite tra la jarcentoj, ili vivas en la plej malalta stato de homa apatio. Ne sole, lau la loka proverbo, Kristo iris nur ĝis Eboli, sed eĉ la Romanoj tie haltis kaj tenis siajn garnizonojn ĉe la ĉefvojoj. La okcidenta civilizo, krom kelka hazarda signo, apenaŭ tuŝis tiun regionon kaj la homoj vivas nun kiel ili verŝajne vivis antaŭ jarmiloj en la senmova mondo de primitiva sorĉo kaj en la nuda doloro de neŝirmita homa sorto sur la tero.

Ĉi tiu regiono, kiu nomiĝas Lukanio, estis elektita kiel ekzilejo por la politikaj nekonformuloj sub la faŝismo. Inter ili, en 1935, komence de la Abisenia milito, troviĝis Carlo Levi, pentristo kaj iama medicina doktoro. Li alvenis en man-katenoj kaj ekloĝis unue en malriĉa loko, Grassano. Poste li moviĝis al vilaĝo eĉ pli mizera, Gagliano, kaj lia libro *Kristo haltis ĉe Eboli* donas priskribon pri la vivo tiea.

Ĝi estas absorba legaĵo. Ekzakte observema, sperta kaj kunsentema en siaj rilatoj kun viroj kaj virinoj, malmulte okupita de siaj personaj suferoj en ĉi tiu morna kaj infekta loko, kaj netentata de patoso. Carlo Levi povis prezenti siajn forgesitajn homojn deproksime, reliefe, kun miriga grafikeco. Tiu eco, kiun ni admiras en postmilitaj italaj filmoj: io freŝa, abundforte homa, ebliganta al ni, post jaroj de ideologia malamo, lavi puraj la okulojn kaj vidi la homojn kiaj ili estas — tiu eco troviĝas en ĉi tiu libro kune kun tratekso de morala seriozo. La libron *Kristo haltis ĉe Eboli* oni ellasas el la manoj kun la pozitiva sento — preskaŭ mortinta ekzemple en la nuna angla literaturo — ke la rimedoriĉoj de la kultura menso estas vastegaj: en la fermo de la faŝismo ili simple fariĝas pli kompaktaj kaj tenacaj.

Gagliano, kiam s-ro Levi ekvidis ĝin unue, ŝajnis esti la kolekto da strangaj blankaj domaĉoj, interne nigraj de mizero. La vilaĝo rajdis sur zigzaga selo super profundaj ravinoj el blanka argilo. La domoj tie-tie ŝajnis esti ekfalintaj sur la malfirmaj deklivoj. Ĉiujare, post la pluvadoj, terŝoviĝoj forbalais kelkajn: la antaŭan jaron malaperis la preĝejo kaj la restintaj domoj pendis kvazaŭ super luna pejzaĝo, kavplena, sen herbo kaj arboj. Al multaj domoj mankis vitroj. Super la pordoj pendis nigraj, ĉifonaj flagetoj metitaj ĉu por la ĉiusanktula tago ĉu pro morto, poste lasitaj tie por putri eterne. Mankis butikoj. Mankis trinkejo. La sola grava arkitekturaĵo estis grandega publika latrino, konstruita de la faŝistoj kaj vizitata jam nur de kokinoj kaj de infanoj, kiuj naĝigis ŝipetojn en la trogoj.

Troviĝis du sociaj klasoj en Gagliano: la sinjoroj, kiuj konsistis el du kuracistoj, la loka ĉeffaŝisto, la lernejestro, la ebriulo-pastro kaj du-tri restintoj de familioj iam havintaj monon: kaj aliflanke la kamparanoj. Troviĝis ankoraŭ kelkaj politikaj ekzilitoj, sed tiuj ĝustadire ne estis grupo, ĉar ili ne rajtis interparoli. Vespere, en la pli vasta fino de la vilaĝo, la sinjoroj sidadis sur muro super la krutaĵo kaj tie sin okupis per la intervenĝoj kaj kalumnioj, kiuj ilin obsedis, aldonante pluajn ĉapitrojn al la familimilitoj daŭrantaj tra generacioj el la banditismo de la 19a jarcento. Ĉi tiuj kvereloj, kun sia historio de ponardpikoj, venenadoj, adultoj, ŝteloj, memorigas la konsternegajn siciliajn romanojn de Verga. Trans la strato staris la kamparanoj, silentaj de lacego kaj malsato. Ili marŝis ĉiutage,

---

mi iru. Ĉu oni povas uzi „deveti“, do malfortigatan „devi“? Mi trovis ĉi tiun vorton nek en la literaturo, nek en la Plena Vortaro, kvankam al mi ŝajnas, ke ĝi ne estas kontraŭfundamenta.

Oni do dirus: mi devetis iri, mi devetas, mi devetus ktp. Mi dankas antaŭe:

**Dr. Rudolf Pawlik**

Kara samideano! En tiu frazo temas ne pri la *malforteco* de la devo, sed pri tio, ke devon, *eble eĉ treege fortan*, oni ne obeis. Do *deveti* ŝajnas al mi malĝusta. Sed vi estas prava: oni nepre devas trovi ian formon de esprimo por tiuj frazoj. „Mi devis iri“ ne povas signifi samtempe: „mi devis iri kaj iris“ kaj „mi devis iri, sed ne iris“. Oni devus iel esprimi la nefaktecon, fiktivecon de la infinitiva ago.

Laŭ mia opinio oni povas helpi nur tiamaniere, ke oni esprimas la fiktivecon tie, kie tio estas ebla, nome en la verbo *devi*. Oni do diru: *„mi estus devinta iri“*.

La sama problemo doniĝas ankaŭ ĉe *povi*, kiam oni povas fari ion, sed ne uzas la povon: *„mi povus* (estus povinta) *iri, sed mi ne iras* (iris)“.

Estas vere, ke logike tiuj frazoj ne estas perfektaj, ĉar ili signas la fiktivecon ne pri la nefakta infinitiva ago, sed pri la fakta devo aŭ povo. Tamen, se pri tio oni interkonsentas, miskompreno aŭ konfuzo neniam estas ebla.

Kun sincera saluto:

**K. Kalocsay**

kiel faras la kamparanoj de Ekstremadura, tri aŭ kvar horojn al kaj de la laborloko.

La sinjoraro avide ekprenis al si s-ron Levi. Faŝistoj nur pro memprotekto, ili ne zorgis pri lia politiko. Kiel ankaŭ la kamparanoj, ili precipe deziris kuraciston. La du lokaj estis sensciaj. Pri stetoskopo oni eĉ ne aŭdis, kaj la virinojn, kiuj plenumis la receptojn oni suspekte akuzis, ke ili provas veneni la homojn por familiaj celoj. Al sinjoraro kaj kamparanaro egale, s-ro Levi estis la di-simila Fremdulo.

Li aperis al ili kiel Kolumbo al la indianoj.

Kvankam profesie li estis nun pentristo kaj la medicinon ne tuŝis de multaj jaroj, tamen li estis devigata iri de domo al domo vizitante la malsanajn kaj mortantajn, kvankam li kunhavis neniajn kuracilojn, dum la kamparanoj genuis kaj kisis liajn manojn. Ili estis la parioj, forgesitaj de Dio. La loĝantaro de Gagliano estis 1200; sed 2000 viraj Gaglianaj estis en Usono kaj la vilaĝo fariĝis matriarkio. Supraĵe plej rigoraj, kvazaŭ-orientaj moroj regis la seksajn interrilatojn: viro kaj virino ne povis renkontiĝi solaj aŭ kunparoli sen ĉeesto de aliaj, kaj eĉ ne grandaĝo, laŭ popola juĝo, donis liberon el la nerezisteblaj tentoj de la karno. Kaj tamen, pro la elmigrado, granda nombro el la infanoj estis eksterleĝaj.

„Preskaŭ ĉiuj pastroj havis infanojn kaj neniu vidis en tio ian malhonoron por ilia profesio. La leterportisto de Grassano, vigla maljunulo, iomete lama, kun belaj bubalkornaj lipharoj, ĝuis gloron kaj dignon en la vilaĝo, ĉar, kiel Priamo, li havis laŭfame 50 infanojn. Dudek du aŭ dudek tri el ili apartenis al liaj du aŭ tri edzinoj: la ceteraj estis disjetitaj en la vilaĝo kaj ĉirkaŭaĵo. Oni nomis lin „Reĝo", ĉu pro lia eminenta virpovo, ĉu pro liaj reĝaj lipharoj, kaj lia idaro, kompreneble, nomiĝis „princoj".

La virinoj, kiuj havis amantojn pomulte — estis en Gagliano 20 tiaj virinoj — estis rigardataj kiel sorĉistinoj, kaj estis fakfertaj pri magio kaj amtrinkaĵoj. Unu el ili fariĝis servistino de s-ro Levi, kaj de ŝi li lernis la sekretojn de la vilaĝa magio. Ŝi estis alta, belforma virino 41-jara, sulkita de aĝo kaj flava de malario, kaj havis 17 infanojn per 15 diversaj viroj:

„Vuala kufo garnis la malgrandan, longe ovalan kapon, flere levitan super la impona, rekte sin tenanta korpo, kiu radiis animalan energion. La altan frunton duone kovris glatenigra buklo; la migdalaj okuloj malbrile nigraj, havis en la blankoj vejnojn bluajn kaj brunajn, kiel ĉe hundo. La maldika nazo estis ete arka; ŝia larĝa buŝo kun maldikaj, palaj lipoj, amare subtiritaj en la anguloj, malkovris dum rido brilantajn, fortajn lupodentojn. Ŝia vizaĝo havis entute fortan arkaikan karakteron, ne greke aŭ romane klasikan, sed devenantan el antikvo pli mistera kaj kruela, sen influo de la homsocioj, sed ligita kun la tero kaj la praaj bestaj diaĵoj. En ĝi miksiĝis la malvarma sensualo, suba ofendiĝo, ironio, kruelemo, nepenetrebla fremdo kaj granda pasiva potenco, ĉiuj kuniĝintaj en mieno severa, inteligenta kaj malica. Ŝia saĝo ne estis la proverba, bonkora saĝo de maljunulino, kiu peras la senpersonan tradicion, nek la ĉikana sagaco de klaĉulino, sed ĝi estis la malvarma konscio, spegulanta la vivon sen kompato kaj sen juĝo morala. Kiel ĉiuj virinoj en tiu regiono, kiuj faras la virajn laborojn, ŝi povis porti la plej grandajn pezojn. Ŝi portis al la fontano 30-litran barelon kaj reportis ĝin plenan sur la kapo, eĉ ne helpante per la manoj, kiuj tenis la infanon, dum ŝi vojis tra la ŝtonoj de la kruta strato kun la piedlerto de kapro."

La somera suno svenigis la senombran vilaĝon. S-ro Levi trovis ombron en profunda, ĵus fosita tombo, dum la maljuna tombisto genuis super li babilante la eternan historion pri banditoj, kiu fariĝis la vilaĝa epopeo

La pluvoj venis kaj forlavis tavolojn de la krutaĵoj. La neĝoj venis. Je kristnasko la pastro estis ebria, forgesis sian predikon, legis anstataŭe leteron de soldato: okazis tumulto en la preĝejo kaj la kunvenintaro kantis popularan kanton. Pro intrigo inter la sinjoruloj, al s-ro Levi estis malpermesite kuraci kaj la saman tagon li estis vokita al mortanta kamparano en apuda vilaĝo. Li devis rifuzi: venis petantaro kaj post longa prokrasto li ricevis permeson iri. Sed la prokrasto estis mortiga. Samtempe okazis, ke la kamparanoj ribelis. Por sin venĝi kontraŭ la estraro, ili ekiris bruligi la vilaĝon kaj masakri la moŝtulojn. Tiaj eksplodoj okazas ĉiugeneracie en tiu regiono kaj esprimas la ŝtopitan malamon de la kamparanoj kontraŭ la ŝtato, kiu faras nenion por ili, kaj kiu rabas de ili la brutojn, se ili ne povas pagi la impostojn. S-ro Levi sukcesis ilin kvietigi, sed la konfuzitaj kamparanoj restis kun sia tuta emocio kaj sen la rimedo ĝin ellasi. Ili devis do fari ian emocian celebron kaj ilia elekto estis stranga kaj karakteriza. Grupo el ili iris en la vilaĝon, sin maskovestis kaj ludis surstrate la skandalon pri la kuracmal permeso kiel brile groteskan satiran dramon. La vortojn ili improvizis kaj eĉ, ĉe la operacia sceno, elprenis al la „mortanto" porkan vezikon plenan de sango, dum la estroj kaj doktoroj disputis inter si. Ili ludis la dramon ree kaj ree tra la tuta vilaĝo kaj foriris hejmen kontentaj.

*Kristo haltis ĉe Eboli* estas plena de okazaĵoj kaj de malgrandaj homportretoj, ĉiuj strangaj kaj kelkaj tre kortuŝaj. La eta ĝiba poŝtestro, kiu subŝovis al Levi la leterojn por eviti la cenzuron, estas ĉarma figuro. Donna Caterina, la efek-

tiva estro de la vilaĝo kaj edzino de la partiĉefo, estas broganta hororo, tute laŭ Verga. Troviĝas la instruisto, kiu sidadis sur balkono ĉe la sunbrilo parolante kun amikoj kaj direktis ek kaj ek lertan vergobaton trans sian ŝultron al la lernantoj interne: kaj la mizera pastro kun ruina intelekto, sur kies libroj nestis la kokinoj.

Super ĉiuj pendis la apatio de ilia izoliĝo, ilia malsato aŭ malsukceso. „Nenio" ili diradis, kiel la hispanoj (tiom similaj) diradas sian eternan „Nada". Kaj, kiel la hispanoj, ili ĉe renkonto demandas, ne „Kiel vi fartas?", sed „Kion vi manĝis?" Gagliano, sen la malario, povus efektive esti iu hispana vilaĝo en malriĉa regiono, kvankam ankoraŭ ne tiom mizera, kiom la vilaĝoj de Los Hurdes, la benzinskatolaj kabanaĉoj de Andaluzio, aŭ la komunumoj de la kavernloĝantoj.

La ripete aperanta temo de la libro estas la eterna malamo de ĉi tiu primitiva popolo por la ŝtato: ne sole la ŝtato moderna, faŝisma aŭ antifaŝisma, sed por la ŝtato kiel ĝin konceptas la urbohomo jam de la komenco de la civilizo. La suditalaj kamparanoj devenas de antaŭ la civilizo: ilia sinteno kontraŭ la mondo formiĝis antaŭ jarmiloj.

Carlo Levi estas supozeble anarkisto. Por li nur „aŭtonomio", „organika federiĝo", „la sin reganta kampara komunumo" povos ŝanĝi la staton de ĉi tiu popolo, ĉar nenio alia havos ian signifon por ilia menso. Tio estis lia konkludo post lia ekzilo en Lukanio.

Sed dume la infanoj de Lukanio daŭre almozkriados al la vizitanta fremdulo. Li opinios, ke ili petas monerojn, sed ne. Ili vokas: „Donu kininon".

**John Watson**

### Giganteca jelpo

Henry Miller, en sia „Tropic of Cancer", skribas: „Estas eble, ke nia sorto estas sigelita, ke ne estas plu espero por ni, sed se estas tiel, en nia agonio ni almenau kriegu, hurlu sangfrostige, ni elpuŝu gigantecan jelpon. Sufiĉas la lamentoj Sufiĉas la funebrokantoj, la elegioj. Sufiĉas la bibliografioj kaj historioj kaj bibliotekoj kaj muzeoj. La mortintojn enterigu la mortintoj. Dum ni vivos, ni dancu ankorau ĉe la rando de kratero, lastan dancon, anim. elspirigan. Sed tiu vere estu danco !"

La nuna moda amerika romanliteraturo kun sia romantika sadismo, panseksualismo, kaj (se uzi la vortojn de Miller) „fanfarsona pesimismo", estas tia giganteca jelpo, tia danco ĉe rando de kratero. En la nuna spirita kaj sentimenta atmosfero, „ĉe rando de kratero" evidente ankaŭ la milionoj -da legantoj volas kriegi ion teruran, ion abomenan, travivi pli spican pornografion, pli frostan malvarmon, pli ardan varmon, pli putinajn putinojn, pli sadistajn sadistojn. Kaj la „ranga" literaturo fakte diferencas de la senmalkaŝe komerca literaturo nur per la maniero de prezento, per la zorgemo pri stilo — la pretendemaj verkistoj tiel same liveras la putinon kaj la sadistan heroon, kiel la fabrikistoj de „bestseller".

La radikojn de tiu tendenco ni ne devas serĉi malproksime: ĝin preparis jam la romanverkistoj de la dudekaj kaj precipe de la tridekaj jaroj. La altiriĝo de Faulkner al la „gotike terura", la prefero de Hemmingway al la senindulge brutala, la froste objektiva raporto de John O'Hara pri la amerikanoj trenataj de iliaj sensoj en abomenaĵojn, la senbrida naturalismo de ilia stilo preparis la grundon por Henry Miller, James M. Cain kaj Dahlberg, tio estas, por la verkistoj de la avangardo kaj de la komercumita romantika sadismo. Aŭ ni memoru pri la Silvestro-nokta bakĥanalo en „The Young Manhood of Studs Loniganban" de Erskine Caldwell, aŭ pri la inkubefekta inaŭgura rito en lia „Judgement Day", aŭ pri tiu sceno en „No Star is Lost", en kiu Margaret O'Flaherty, la mortebria publikulino, kiun elĵetis ankau ŝia lasta amato, sidiĝas fale sur ŝtupo, kaj, en la treno de la deliro trema, horore nombras siajn fingrojn. James T. Farrel rigardas la amerikan vivon de sia epoko kiel tifan frenezon. Kaj tiun vivon, la plej fiajn kaj terurajn flankojn de tiu vivo li prezentas per tia stilo, kies etiko, en sia konsekvenca senindulgo, estas komparebla al la etiko de la dentkuracista borilo. Eĉ tia verkisto, kia Steinbeck, cetere de tute alia kategorio, okupiĝas *enhave* pri la dudeka-centjara pure amerika romantika sadismo, pri la senindulge perforta virtipo, pri la idiotaj monstroj de la amerika provinco (vidu lian inkuban novelon pri voĉimita vilaĝfrenezulo, aŭ la kretenan giganton de la „Musoj kaj Homoj").

Tiu tendenco de tiam kreskis kaj disvastiĝis. Statistikon neniu faris ĝis nun, sed certe ni ne troigas dirante, ke en ĉiu dua amerika romano estas troveblaj: la senindulge brutala heroo, la vulgarfreudisme kurentliniigita kaj mode nimfomaniigita varianto de la vamp-virino, kaj la naŭzanta naturalismo, per kiu oni rakontas orgiojn moviĝantajn inter la sekspatologio kaj deliro trema. La plej konata nuna reprezentanto de tiu tendenco, E. Dahlberg, jene difinas la homon: „moviĝanta materio sin mem abomenanta". Robinson Jeffers ne kaŝas, ke li naŭziĝis je la tuta homraso. Benjamin Appel sin konfesas „kronikisto de la fiaĵoj de nia epoko".

La t. n. literatura avangardo ĉiujare eldonas en Ameriko sian antologion sub la titolo „Lanco-pinto" (Spearhead). Cocteau-postsentaj noveloj, dadaismaj liberversaj poemoj, galimatias-lingvaj liberasociaciaj roman-fragmentoj montras, ke tiu avangardo ĉiam ankoraŭ vivas el la „Ulysses" de James Joyce. Lian teknikon, stilon, kvar- kaj kvin-tavolan simbolikon ili prov.

as „evoluiĝi", sed fakte ili estas nur dua- au triarangaj imitantoj. Ili marŝas tretitan vojon ankaŭ en tio, ke ili volus konsterni kaj indignigi siajn pli konvenciemajn kuncivitanojn. Theophile Gautier konsternis la burĝojn per sia flamruĝa veŝto. La devizo de la lancpintuloj estas ĉiam ankorau „épater le bourgeois", sed ili volas konsterni per flamruĝaj vortoj: per la plej aĉaj esprimoj de la metabolismaj procezoj. Iliaj herooj aranĝas sian privatan vivon kun senekzempla fizika bruteco en sia rilato al la heroinoj baraktantaj sub la jugo de la sonĝoj. Tiuj avangardaj heroinoj naskiĝas ne en miliardulaj hejmoj, nek en la mizerkvartaloj de Ĉikago, nek sub rozarbusto, sed sur la paĝoj de libroj populariigantaj la freŭdismon. La Psychopathia Sexualis de Krafft Ebbing efikas apud la sonĝoj de tiuj gracilaj blondaj amerikaj heroinoj, kiel ĉapitro el „Alica en Mirlando". Ekzemploj, bedaŭrinde, ne tolerus la presfarbon.

Tiu t. n. literaturo, kompreneble, havas ankaŭ sian filozofion, kvankam ĝia gvidanto, Henry Miller, antaŭnelonge protestis kontraŭ ĉia mondkoncepto, filozofio au politika tendenco. Li skribis la edifan frazon: „Mi ne havas principojn, ĉar mi estas libera homo." Goodman verkis traktaton pri tio, ke nenio pli malutilas al la verkisto, ol la konvinkiĝo. Nu, ni tamen povas konstati, ke tiuj verkistoj iras tre eltretitan vojon: la vojon de la romantika malraciismo. Ili deklaras, ke la universon oni ne povas mense kompreni, ke la sociaj demandoj estas nesolveblaj, ĉar la solvon malhelpas la „eterna homa naturo". Per la „eterna homa naturo" ili komprenas tiun brutalan, drinkeman kaj sensente amumantan paperfiguron, kiun, imite de Joyce, Gertrude Stein, Faulkner, Hemmingway, kaj de la angla Graham Greene, ili ree kaj ree priverkas.

La antaŭparolo de la plej nova Lancopinto ĝoje konstatas, ke ĉi tiu literaturo avangarda iom post iom trovas aprobon. La grandaj amerikaj eldonejoj volonte ĝin eldonas. Tio, kompreneble, havas sian klarigon.

En la literatura aldono de New York Times oni povas legi la reklamon de Kalifornia eldonisto: „Plurfoje ni volis demandi psikiatron, kio kaŭzas, ke la amerika publiko tiom amas kaj admiras la brutalecon, la kruelecon. Kial havas tiel grandan sukceson la seninhibiciaj Don Juan-oj kaj Casanova-j? Ni ne estas psikiatroj, ni povas nur konstati, ke la sadismo estas populara. Ĝuste tial, la publikon interesos, ke la heroo de nia romano, aperonta venontan semajnon, estas la plej alloga, plej kruela egoisto, kiu iam . . ." k. t. p., k. t. p.

Oni ne devas esti tro sagaca por diveni, kial la amerika libroeldono, kiu nun metus sur nigran liston la „Fruktojn de Malamo" de Steinbeck, tiom favoras la romantikan sadismon kaj malraciismon. Dum verkistoj, kia Howard Fast, sidas en karcero kaj dekunu aliaj atendas, ke la Thomas-Rankin-komisiono venigu ilin tien, Henry Miller povas deklari senembarase, ke li havas neniajn principojn, ĉar li estas libera homo. De universitataj katedroj oni deklaras, ke „pro la eterna homa naturo" oni ne povas solvi kun scienca laŭplaneco la grandajn demandojn de la socio, do la „rangaj" verkistoj deklaru, ke ni ne povas agi alie, ol esti memvolaj kaj entuziasmaj sklavoj de nia homa naturo, de niaj plej malaltaj instinktoj. Wall Street orgias en militincito, do la amerika publiko ricevu en filmo, literaturo, detektivromano la klimaton de mortodanco, la romantikan sadismon; oni sentigu al ĝi, ke el la neeltenebla mortdanco ĉe rando de kratero oni povas liberiĝi nur tiel, se oni saltas en la krateron de la milito. Kiam oni devus preni decidon inter milito kaj paco, anarkio kaj konstrua ordo, tiam anoncu la pseŭdo-supermodernaj verkistoj, ke delikata kaj kulturita homo ne povas havi konvinkiĝon, libera civitano ne povas havi starpunkton. Tiu amasvare multobligita literaturo de la romantika sadismo dankas sian popularecon al la senbrida propaganda kampanjo de la eldonejoj. Ĝi devenas el la socia vivo de la imperialista Ameriko, ĝin rigardas aprobe la imperialista granda politiko, kaj ĝin akceptas volonte tiu tavolo de la leganta publiko, kiu retimiĝas de la realaj problemoj de l' ĉiutaga vivo.

Henry Miller ekkrias en sia plej nova libro: „Mi volas, ke pli kaj pli malmultaj legu. Min ne interesas la vivo de la amasoj, nek la inteneo de la registaroj de l' mondo. Mi esperas kaj kredas, ke la tuta civilizita mondo forbalaiĝos dum la sekvantaj cent jaroj. Mi kredas, ke la homo povas vivi multe pli bone sen civilizacio."

Henry Miller, kaj la similaj, fakte atingos, ke ilin legos pli kaj pli malmultaj. La amerikan popolon, la milionojn da simplaj homoj tamen interesas la „inteneo de la registaroj de l' mondo", kaj tiuj milionoj pli kaj pli esperos kaj kredos, ke la homo povas vivi multe pli bone, multe pli grandioze sen la mortodanca monopolkapitalismo.

**G. P. H.**

### Gide kaj la imperlismo

La misterajn turnojn en la vivovojo de André Gide prilumas artikolo en la marta numero de „La Litterature Soviétique". Ĝi montras, ke Gide ĉiam restis la sama dum siaj diversaj mimikrioj: ĝi estis la unua ĉampiono de la imperiismo en la franca literaturo, kaj ĉiam restis fidela al tiu ideologio.

Li atakis siatempe la konservativajn Barrès kaj Maurras, resopirantajn la feudalismon. Li skribis pri Barrès en 1897: „Kontraŭ lia teorio mi havas nur unu riproĉon: ĝi alvokas por kvieto . . . Kiam ĝi alradikigas la spiriton en ties plej la-

vora medio, en ties naskotero kaj inter ties mortintoj, tiam ĝi metas tiun en nenifaron ... Permesu al mi, ke mi tiel amu mian epokon, kiel Barrès sian naskoteron Lotaringion ... potencajn ekscitiĝojn promesas ĉi tiu epoko." Evidente, ĉi tie parolas ne humanisto kaj demokrato, sed ekstrema individualisto entuziasmanta pri la imperiisma evoluo. La imperiismo bezonas literaturon, kiu konscie vekas en la homoj sovaĝajn impulsojn. Tiun literaturon kreis Gide en Francujo. Sur la principo de la „vero de fortuloj", sur la antihumanista moralo baziĝas liaj verkoj: „Marĉoj" kaj „Teraj nutraĵoj". Sed la escepta, la ab. norma homo, aperas komplete nur en lia libro „Malmoralulo". La 24-jara Michel, sub la efiko de siaj Afrikaj impresoj, konkludas, ke oni devas forĵeti ĉiun ŝarĝon de la paseo, kaj konstrui sian feliĉon per la frakaso de la feliĉo de l' simplaj homoj. Kiam lia edzino — viktimo de lia teorio — diras, ke li neniigos la malfortulojn, Michel respondas: „Tion oni devas fari."

Gide malŝatas ne nur la moralajn, sed ankaŭ la kulturajn valorojn. Komence li ankoraŭ interesiĝis pri la kulturaj postrestaĵoj de la paseo, sed poste jam en la tuta historio de la homaro li vidas nur la regadon de sovaĝaj pasioj. Reveninte al Parizo de Afriko, jene li konceptis sian kulturfilozofion: „La kulturo, kiun la vivo naskis, mortigas la vivon."

En tiu tempo, kiam li skribis la „Malmoralulon", aperis en franca traduko la verkoj de Nietzsche. La bestiala moralkoncepto de Gide estas parenca al la filozofio de Nietzsche. Gide mem diras, ke li atendis Nietzsche-n antaŭ ol lin koni, kaj poste, kiam li jam legis lin, Nietzsche instigis liajn pensojn. Tiel sin trovis la du ideologoj de la imperiismo.

En sia romano „La keloj de Vatikano" Gide prezentas junulon, kiu faras senmotivajn krimojn. Lafcadio trankvilanime mortigas nekonaton. Li ne havas konsciencriproĉojn. Momente li pensas, ke li denuncos sin. Sed — „de malproksime, de la kazernoj, sonas trumpetoj. Kial rezigni pri la vivo?"

La murdo farita de Lafcadio, laŭ Gide, ne estas krimo. Lafcadion ja gvidis nek posedavido, nek pasio, lia murdo estas manifestiĝo de la individua libero. Ekskuzi senmotivan murdon — jen vojmontro al la faŝismo. Ne estas hazarde, ke Lafcadion trumpetsono allogas al la vivo: tiu aventuristo provos sian feliĉon en imperiisma milito subjuganta koloniajn popolojn; li volas ne vulgare mortigi, sed konscie murdi. Tiajn heroojn bezonas la imperiismo, ne „homojn malfortajn, fidelajn al principoj". Tia literaturo vekas sovaĝbestajn instinktojn. En Francujo Gide kreis tian heroon kaj tian literaturon.

En 1925 aperis la „Monfalsistoj". „La homamo neniam estis mia forta flanko", diras en ĝi Strouvilhou, „oni volas kredigi, ke el la egoismo ne estas alia elirvojo, ol ankoraŭ pli terura altruismo." „Se ekzistas io pli malŝatinda kaj abomeninda ol la homo, tio estas la multaj homoj. Mi ne povas eniri tramon aŭ trajnon, ne dezirante, ke ia bela akcidento dispecetigu tiun vivantan malpuraĵon; mi ne povas enpaŝi teatron, ne dezirante la falon de la lustro aŭ eksplodon de bombo; kaj eĉ se mi flugus kun ili en la aeron, mi volonte kunportus la bombon sub mia jako, se mi ne rezervus min por io pli bona." Kaj kio estas tiu majesta alvokiĝo, por kiu Gide rezervas sian mizantropon? „Speco de kruela oferdono povus alporti grandiozajn rezultojn. Kiam ni defendas la malfeliĉulojn, malfortulojn, rahitulojn, difektitojn, ni pasas malĝustan vojon — tial mi malamas la religion, kiu volas engurdi al ni tion ... Ni devas klopodi por la plibonigo de la raso. Sed ĉiu selekto povas okazi nur per la neniigo de la senutila homa materialo. Ne hospitalojn oni bezonas, sed tiajn institutojn, kiaj la artaj ĝardenkulturoj." Jen la teorio subteno de la neniigo de milionoj, por la bredo de la supera, sinjora raso. La penso naskiĝis en Gide jam en 1925. La hitlerbanditoj devis zorgi nur pri la teknika plenumo per konstruo de gaskameroj kaj krematorioj. Ĉar, kiel skribas Gide: „En kies mano estas la potenco, tiu povas superregi. Delikato, moralo, kompato, vero — por mi estas malplenaj vortoj. Kion mi volus atingi, tion via timema fantazio eĉ ne konjektas. Kiom signifas, se ni oferas kelkajn milionojn da malaltrangaj estaĵoj, kiuj estas tute nekapablaj akiri por si eĉ la plej moderan feliĉon? Tiu ofero estas bezonata, por ke sur la mizeraj ruboj povu elkreski sana, forta kaj gaja raso."

Kiam Gide, post sia komunista mimikrio, reprenis sian imperiisman vojon per sia „Reveno el Sovjetunio", la „Pravda" jene respondis tiun libron: „La tuta literatura agado de Gide estas fremda al la grandaj socialaj ideoj. Li estas tipa reprezentanto de la dekadenca burĝa spirito ... Li liberis kontraŭ la burĝa moralo, sed tio estis ĉiutaga kaj mizera ribelo de la etburĝa intelektulo. Tia ribelo, inter certaj cirkonstancoj, povas konduki la fortulon en la tendaron de la revolucio, sed la malfortulon ĝi ofte puŝas en la tendaron de la faŝismo."

Kaj fakte, Gide, kiam li rigardis eternvalida la faŝismon, ree kaj ree deklaris, ke la mondkoncepto de liaj verkoj estas parenca al la ideologio de la faŝismo: „Kial protesti kaj kontraŭ kio? Vi mem ja diris: la familio kaj la religio estas la ĉefaj malamikoj de la progreso... Kiam vi okupiĝis pri ĝardenkulturo, vi komprenis ja, ke la pli bonan oni povas konservi nur tiel, se oni ekstermas la malpli bonan. Vi scias tre bone, ke tio ne povas okazi sen ŝajno de krueleco. Sed tiu krueleco estas prudento kaj antaŭvido."

Ĉiuj tendencoj de la nuntempa reakcia franca literaturo montras striktan interrilaton kun la mondkoncepto de Gide. La aventuristo Malraux vidas en li sian majstron, dum Gide rekonas en la „arbitraj kaj energiaj herooj" de Malraux siajn proprajn kreaĵojn. Laŭ Sartre, Gide estas la prototipo de la responskonscia verkisto — kontraste al la nekonscia Proust —, kaj Gide rigardas Sartre-on daŭriganto de lia alvokiĝo. La individualista franca literaturo nuntempe kantas himnojn al la „aktiveco". Gide mem, en novembro 1945, jene klarigis, kial estas necesa la kulto de la „energia heroo": „Ni bezonas heroojn... Kiam ŝipo venas en senesperan staton, troviĝas, kiuj ekgenuas, preĝas kaj petegas al la Plejalta... tio estas tre bela; larmoj venas en miaj okuloj ĉe la nura penso pri tio. Kaj tio almenaŭ malakrigas la kriegojn de la infanoj kaj virinoj, kiuj malhelpas la manipuladon de la ekipo. Tamen la ŝipon savos ne la preĝe plektitaj manoj.

El la ekzemplo de Lafcadio kaj Strouvilhou ni scias, kiaj estas tiuj herooj, urĝe bezonataj por savi la dronantan ŝipon de la imperiismo.

**K. St.**

### Revolucio de artistoj.

*(Daŭrigo)*

*Van Gogh* (1853—1890) komencis pentradi en sia aĝo de dudekok jaroj kaj mortis trideksepjara. Li havis entute naŭ jarojn, por krei al ni novan mondon, li havis nau jarojn por pentri sian verkon.

Dum kelkaj jaroj li laboris en la artaĵkomercejo de sia onklo. Ankoraŭ ne kiel pentristo, sed kiel dungito; sed oni ne estis kontenta pri li. Li konsekvence trudis malkarajn bildotrezorojn al la nespertaj, snobaj aĉetantoj, anstataŭ la ege karegaj kaj rapide senvaloriĝantaj bildkreaĵoj. La riĉegaj homoj ĝenerale ne toleras tion, ke oni pridubu ilian artguston. Van Gogh ne longe povis resti en tiu branĉo. Li fariĝis instruisto en Anglio kaj poste pastro en minista distrikto de Belgio. Multe li suferis, ĉar por la ĉiela nutraĵo la homoj donis tre malmulte da korpa nutraĵo. Fine li konvertiĝis al la arto. Li komencis en Parizo, sed ankaŭ li ne sukcesis interamikiĝi kun tiu ĉi sovaĝa metropolo. Poste li iris al Arles, kiel Cézanne. Ĉiumonate sendis al li lia frato Teo kelkajn avarajn frankojn. Tiu malmulta mono tamen sufiĉas al li inviti sian amikon Gauguin, kiu tiutempe tre malsatis. Gauguin alvenis, sed ili trovis unu en la alia ne tre multan ĝojon. Ili multe kverelis, ĉar ili ambaŭ marŝis sian apartan vojon, ne rimarkante, ke tiu estas ilia komunsorta vivovojo. Foje, en iu tago, van Gogh atakis sian amikon per razilo sur la strato, sed feliĉe tiu „atenco" ne sukcesis. Post tio li hejmenkuris kaj furioze atakis sin mem, detranĉante sian orelon verŝajne pro memakuzo. Lian agon estris jam la frenezo: li enpakis sian detranĉitan orelon kaj sendis ĝin al knabino en bordelon, kun kiu li probable havis kontakton. Li bandaĝis sian kapon, sed pro la multa sangoperdo li svenis. Sekvatage oni transportis lin en hospitalon, poste en frenezulejon kaj tie li pentris siajn plej emociplenajn kreaĵojn, inter ili sian memportreton kun kapo vundita, la hospitalon kaj la ĝardenon de l' frenezuloj. Sed li jam ne longtempe kapablis porti en sia graveda animo la impeton de tempesta uragano; la pasio, per kiu li volis esprimi sian novan mondon, lin pereigis. Li mortpafis sin.

Ne multe poste *Gauguin* (1848—1903) rifuĝis el la civilizo eŭropa. Li transloĝiĝis al insulo Tahiti, kie li vivis la primitivan vivon de la indiĝenoj. Tie li kreadis siajn grandiozajn bildojn tropikajn.

La tri majstroj, la tri kariatidoj de nia moderna pentroarto — kvankam dum certa tempo ĉiuj tri vivis en Arles — apenaŭ interrenkontiĝis. Cézanne tuj riproĉis kaj malaprobis ilin. „Tiel nur la frenezulo pentras" — li diris al van Gogh, kvankam kun viziaj, sed tamen kun erarantaj okuloj. „Terura malfeliĉo estus, se la pentroarto evoluus en lia direkto" — li diris al Gauguin. Li rifuzis ilin, kvankam ili ambaŭ estis liaj disĉiploj. Sed tiam li jam ne kapablis kredi je sia gloro, jam li ne ekvidis sian propran triumfon.

**J. Cs.**

### La afero de Nazim Hikmet.

Estimata Redakcio! Kiam mi legis en L. M. la poemon de Kalocsay: „La mesaĝo de Nazim Hikmet", mi kredis, ke tiu turka poeto, enkarcerigita por 30 jaroj, senigita je skribiloj, skrapanta siajn poemojn sur la murojn, estas ia fantazia kreaĵo. Sed jen, ĵus lia nomo kaptis miajn okulojn en la revuo „Les Lettres Françaises". Kaj mi certiĝis, ke li estas vivanta persono: oni aranĝis en Parizo literaturan matineon je lia honoro. Tio estis revelacio por multaj.

Revelacio ĝi estis eĉ por turka jurnalisto en Parizo. Tiu sinjoro, kiu venis tien altirite de la nomo de sia samlandano, deklaris al la organizintoj de la matineo: „Mi ne sciis, ke ni havas tiel grandan poeton! Tio estas nekonata en Turkio." Kiam oni diris al li ties kaŭzon, ke nome jam de 11 jaroj Nazim Hikmet estas en karcero, li respondis: „Ho, vi scias, la karcero ĉe ni ne estas tiel terura! Krome, tio estas tre favora al Nazim Hikmet: li havas liberan tempon por verki."

Nu, jen vere originala literatursubteno: enfermi poeton, por ke li havu „otium" por verki. Nepre pli humana kaj demokrata metodo, ol blindigi la rapsodojn, kiel en la barbaraj tempoj. Nun mi jam scias, kial Turkio estas „bastiono de demokratio" en la proksima oriento. Kaj ŝajne ankaŭ Usono — kiel montras la ekzemplo de Howard Fast kaj aliaj „subtenatoj" de la Komitato por Esploro de Antiamerikaj Agoj — transprenas tiun demokratan metodon de sia ekstreme (aŭ eksterme) demokrata federito.

**Alain Barbier**

## NIAJ REPREZENTANTOJ

*AFRIKO:* Afrika Revuo, Maroko, *Casablanca,* 5 rue Savorgnan de Brazza.

*AUSTRALIO:* F. V. Taylor, *Albury,* N. S. W. 653 Jones Street.

*AUSTRIO:* Librovendejo „Tramondo", *Wien,* I., Neutorgasse 9.

*BELGUJO:* Flandra Esperanto Instituto, *Brussel*—West, Pieter van Humbeckstr. 3. Belga Esperanto Instituto, *Antwerpen,* 127 Lange Leemstraat.

*BRITUJO:* Universala Esperanto Asocio, Heronsgate, *Rickmansworth.*

*BULGARIO:* Internacia Kulturo, *Sofio,* str. Alabin 33.

*ĈEHOSLOVAKIO:* „Revuo Esperantista", *Praha,* Uralské Nám 9.

*DANUJO:* Libro-Servo de CDEL, *Kopenhago,* Pr. Jorgensgade 4 A.

*FINNLANDO:* Vilho Setälä, *Helsinki,* Onnentie 23.

*FRANCIO:* Unuiĝo Esperantista por Francio, *Paris,* 10 e. 34 rue Chabrol.

*HUNGARIO:* Béla Berceli, *Budapest,* VIII., Rökk Szilárd-str. 28. Poŝtĉekkonto nro. 4014.

*ITALUJO:* Luigi Minnaja, Roma, Viale Giulio Cesare 223.

*JUGOSLAVIO:* Slovenia Esperanto Ligo, *Ljubljana,* Cankerjevo Nabrazje 7/1.

*NEDERLANDO:* Nederlanda Esperanto Centro, *Rotterdam* W. Huygensstraat 17. B.

*NORVEGIO:* Norvega Ligo Esperantista, Librofako, OSLO, Boks 942.

*POLUJO:* Isaj Dratwer, *Warszawa,* 11 Listopada 22. T. O. Z.

*PORTUGALIO:* Saldanha Carreira Jorge, *Benfico*-Lisboa, Grao Vasco 33, r/c.

*RUMANIO:* Societo Esperantista Rumana, *Bukuresti,* Casuta Postale 9.

*SVEDUJO:* Förlagsföreningen Esperanto, *Stockholm,* 19, Fack 19.071.

*USONO:* Esperanto Asocio de Nord-Ameriko, *New York* 11, 114 West 16-th Street.

---

Kiuj deziras reprezenti la „Esperanto Film-Grupo" 'n en sia lando, bonvulo sin anconi grandnombre el ĉiuj landoj: Antwerpse-straat 45, Bergen op Zoom (Nederlando).

---

A. Cernjaĥosni, Bulgario, SLIEVEN, strato Sofia 10 deziras interŝanĝi pm. prefere per rekomenditaj leteroj.

Felelős szerkesztő és kiadó: Berceli Béla. — Globus, Budapest, VI., Aradi-u. 8. — Felelős vezető: Éliás Ferenc